# REGo

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* *№ 5 (54) oktobro 2009*




**en la numero**



**Moskvo, 2009**

# enhavo





*En Tjumena E-klubo "Revo" naskiĝis nova Esperanto-familio – la 19-an de septembro okazis gaja edziĝfesto de Tanja Borisova kaj Paŝa Veselov!*


## REGo

(Rusia Esperanto-Gazeto)

**№ 5 (54) oktobro 2009**

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

**abontarifoj por 2010:**

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 350 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 20 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*

# “Amika rondo” en Niĵnij Tagil



De la 1-a ĝis la 12-a de aŭgusto en Niĵnij Tagil okazis la unua E-renkontiĝo, kiu nomiĝis “Amika Rondo”.

En Tagil ni estis ok gastoj: du uljanovska-noj, unu ĉeljabinskano kaj kvin konganoj). Tagilanoj ne povis kunveni ĉiutage, pri ni okupiĝis nur Larisa Kuzmenko, de tempo al tempo aperadis la aliaj.

La programo estis enhavriĉa: tiu mirinda urbo ebligis ĝin. Tagil estas la dua granda urbo en Sverdlovska regiono. Tie loĝas proksimume 350 000 homoj. Ĉiutage ni vizitis iun muzeon laŭ interesa programo de Larisa. Centre de la urbo troviĝas Teatra placo kaj monumento al la patro kaj filo Ĉerepanov, konstruintoj de la unua lokomotivo, kies monumento estas apud la regionografia muzeo. Ni vizitis ankaŭ la artan muzeon kun la fama bildo de Rafaelo “Sankta Familio” aŭ “Tagila madono”, iam trovita en tagila subtegmento. En la muzeo de malnovaj regantoj de la urbo ni povis vidi la ĉambrojn kun atmosfero de la pasintaj jarcentoj. Menciinda estas la muzeo de metalaj pletoj, kiu havas unikajn belajn pletojn kun pentritaj floroj, birdoj kaj vidindaĵoj de la urbo. Mirinda estas la muzeo de Naturo, kiu ekspozicias uralajn ŝtonojn: jaspon, agaton, onikson, malakiton k.t.p. Interesaj historiaj aĵoj estas eksponitaj en la muzeo, dedicita al verkisto A.Bondin, aŭtoro de novelojn pri vivo de uralaj laboristoj. La ĉefa vidindaĵo en la urbo estas Lisja (Vulpa) monto kun gardoturo. Ni surgrimpis ĝin dufoje!

Matene estis E-lecionoj de Larisa Kuzmenko. Ŝi preparis por partoprenantoj interesajn taskojn kaj ludojn. Ŝi ankaŭ donis al ni tre multajn metodikajn materialojn. Tamen ankaŭ nia malgranda uljanovska grupo faris ion. En nia klubo estis preparita ludo kun proverboj. En literatura salono ni iomete rakontis pri V.Devjatnin, granda esperantisto el la 19-a – 20-a jarcentoj, kaj voĉlegis lian poemon “Velga”. Ni montris nian majan kluban fotoekspozicion kaj rakontis pri nia urbo. Okazis kvizo pri Uljanovsk. Tio estis “provludo” antaŭ novembra renkontiĝo en Soĉi.

Ni konatiĝis kun interesaj homoj, ekzemple kun pupfaristino Valentina Baranovskaja, kiun ni vizitis eĉ dufoje. Ĉe gastama Valentina ni ne nur rigardis pupojn (Ostap Bender, Eloĉka, Kisa, gemaljunuloj, gefianĉoj k.t.p.), sed ankaŭ almezuris diversajn antikvajn rusajn vestojn. Ĉu vi povas imagi, kiel aspektis niaj afrikaj konatinoj en tiuj roboj kaj sarafanoj?! Certe ni fotis ilin. Al la muzeo de V.Bianki ni donacis niajn klubajn tradukojn. Nikolaj Paveljev ilustris la rakontojn per fotoj. Post vizito al la muzeo ni gastis ĉe nevino de Vitalij Bianki.

Ni ne forgesos horojn, kiam ni kantis por la konganoj kaj ili kantis por ni. Ĉiuj estis

kontentaj, kaj nia klubo ricevis kiel donacon diskon kun esperantlingvaj kantoj en plenumo de tiu ĉi muzika grupo. Poste ni lernis afrikajn dancojn.

Dum metiejoj Larisa instruis nin pri farado de ludiloj el argilo. Ni faris diversajn argilajn aŭ modlopastajn aĵojn. Ni ankaŭ kolorigis "pletojn". "Pletoj" estis kahelaj platetoj aŭ diverskoloraj fermoplatetoj, ĉefe bluaj.



*ĉe la nevino de Bianki*

Ni tre dankas al Larisa Kuzmenko pro tiu interesa renkontiĝo. Ŝi organizis ĉion bone. Sola! Ni loĝis senpage! Ĉu tio estas imagebla? Ŝi verkis diversajn prospektojn por la renkontiĝo. Ni manĝis en diversaj kafejoj, sed ĉie malmultekoste. La ĉefa manĝaĵo estis patkukoj. M-m! Bonguste! Kun diversaj farĉoj! Ni opinias, ke Tagil estas la urbo de patkukoj.

Ni vizitis ankaŭ Nevjansk kun fama klinita turo. Dum ekskurso ni eksciis, ke ĝi estis konstruita inter la jaroj 1722 kaj 1732. Ĝis nun oni ankoraŭ ne scias pri ĉiuj sekretoj de la turo. Ĝi havas unikan horloĝon kun sonoriloj, unikan akustikan ĉambron kaj sekretan laboratorion. La horloĝo estas farita en Londono en 1730. En la anguloj de la akustika ĉambro bone aŭdeblas vortoj, prononcataj flustre en ĝia alia parto.

Necesas diri, ke Tagil ne estis sola urbo sur nia vojo tra Uralo. Ni ankaŭ vizitis aliajn urbojn: Ĉeljabinsk, Jekaterinburg kaj Ufa. En Ĉeljabinsk ni vizitis Tatjana kaj Nataŝa Glaznica. Kun Nataŝa ni pririgardis la urbon, vojaĝis per infana fervojo kaj gastis ĉe ŝia familio. En Jekaterinburg nin gastame akceptis Raja kaj Viktoro Kudrjavcev. Viktoro gvidis nin tra la centro kaj fotis nin, Raja bonguste nutris nin (Viktoro eĉ kuiris propramane bongustan celerian salaton), rakontis pri siaj vojaĝoj tra Eŭropo, donacis al ni libretojn pri kongreso kaj insignon kun s-ro Ludoviko. En Ufa ni ne havis multe da tempo. Tamen ni trakuris centron de la urbo, vizitis du muzeojn: de Miĥail Nesterov, kie estas prezentita ankaŭ unika pentraĵa kolekto de David Burljuk, kaj tre riĉan nacian baŝkiran muzeon.



Nian longan vojaĝon ni nomis "vagado tra Uralo". Tamen ni tre ĝojis revidi niajn amikojn, ekscii multajn interesajn faktojn el historio de nia patrujo kaj certe havi eblon paroli Esperante. Ni dankas vin, Larisa! Ni volus renkontiĝi la sekvan jaron!

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

# EŬROPA TAGO DE LINGVOJ EN MOSKVO



*kantas Arina Turkatenko*

La 26-an de septembro 2009 la Moskva junulara E-klubo "EK MASI" la 3-an fojon okazigis la Publikan Agon (plue – PA), dediĉitan al la Eŭropa Tago de Lingvoj. PA okazas ĉiam en certa kampeto de la pitoreska palaca parko "Caricino", kaj jam la trian jaron estas sunplena vetero ĉe la pinto de aŭtuna beleco.

La celo de PA estas konigi al la publiko la sloganojn de Unesko:

– por diverseco de la lingvoj sur la planedo;

– por la pureco de la gepatra lingvo;

– por lingva studado dum la tuta vivo,

kaj allogi atenton al la lingva problemo en la mondo kaj lingva diskriminacio, klarigi surbaze de tio ideologion de la Esperanta movado, trovi adeptojn por Esperanto kaj volontulojn por la teamo de Lingvaj Festivaloj.

Ĉi-jare PA-on partoprenis ĉirkaŭ 70 personoj, inter kiuj – 20 klubanoj kaj pli ol deko da eksterklubaj esperantistoj kaj organizantoj de LF. Aliaj vizitantoj, ankaŭ ĵurnalistoj, eksciis pri la aranĝo el la sufiĉe vasta reklamo en la Interreto.

Ekde la 15-a horo, dum kolektiĝis la publiko, Svetlana Ŝiŝkina organizis viglajn mezepokajn dancojn. La oficiala parto komenciĝis je la 15.30 per la informo pri la Eŭropa Tago de Lingvoj, kiun faris unu el la organizantoj de la Moskvaj LF-oj Igorj Mokin. Li ankaŭ proponis al la ĉeestantoj skribi sur aparta folio en ĉiuj konataj lingvoj la frazon: "Parolu kun mi!". Georgij Kokolija daŭrigis la programon, rakontante pri Esperanto kaj kiel la planlingvo solvas la problemon de tutmonda lingva diskriminacio. Poste Marija Nujanzina rakontis pri Aligatorejo, kiun ŝi organizadas enkadre de internaciaj junularaj E-aranĝoj, kaj Jelena Akimova (nia gastino el Niĵnij Novgorod) vigligis la publikon per humure prezentitaj rememoroj pri problemoj kun la angla lingvo, kiujn ŝi spertis eksterlande. La invitita juna bardo Arina Turkatenko bonege kantis en la sveda, angla kaj rusa lingvoj. Gaje pasis lingva kvizo, preparita de Aleksandr Sigaĉov kaj Igorj Mokin, kaj la gajnintoj estis homoj el la publiko, kiu evidentiĝis ege klera lingve; ni enmanigis 10 librajn premiojn. Estis plia



*Igorj Mokin*

kantado – de la invitita gitaristo el la muzikgrupo “Manpleno da beroj” Kirill Baranov, kiu kantis en la bretona, franca kaj angla lingvoj. La programon fermis dancado, petita de la jam malvarmiĝanta ĉeestantaro.

La aranĝon aktuale kompletigis la plakatoj de Unesko pri la Eŭropa Tago de Lingvoj kaj tiu pri Esperanto, preparitaj de profesia peterburga reklamisto Sergej Krajuĥin. Al la gastoj estis disdonitaj pli ol 50 reklamfolietoj kun la ligoj al la interretpaĝoj pri LF, Esperanto kaj la klubo “EK MASI”.

La aranĝo estis registrita en la kalendaro de Eŭropa Konsilio pri la agoj, dediĉitaj al la Eŭropa Tago de Lingvoj.

***Irina Gonĉarova, kunordiganto de “EK MASI”***

## REU – DENOVE PRETERSCIENCA

Laŭ la informo en la junia REGo por 2009 la anonima(j) raportanto(j) videble ĝojas, ja ili sukcesis ion ŝanĝi en la rusia e-movado. Kion? Laŭ kiu ideologio, aŭ politiko, aŭ scienco aŭ ioajno konata en la mondo? Mi penis ion trovi por pravigi la estimatan Kunvenon de miaj e-amikoj, sed, ho ve, ne trovis. Surlipiĝas la konkludo: estas faritaj ŝanĝoj por nurŝanĝoj. Nu, nenio mirinda, ja antaŭkonferencaj diskutoj temis pri nurŝanĝoj, ludo pri “ĵeti loton en baloto, eble venos digestebla kompoto”. Laŭ mia stulta kapo – ne venis, kaj sevena – nedigesteblas. Solaj Maksim Griŝin kaj la aŭtoro de ĉi artikolo (en la aprila REGo) provis proponi ne nur sciencan, sed eĉ jam vaste uzatan praktike Teorion de Sistemevoluo. Mi estis preta helpi al dezirantoj konatiĝi al la teorio – nur unu persono petis la koncernan materialon kaj ne pli. Nu, bone – mi pensis – certe ankaŭ la rusia esperantistaro jam konas tion, kion konas la tuta progresiva mondo, ja eĉ en iuj superaj lernejoj oni de jaroj instruas la teorion. Leginte la konferencajn rezultojn mi estis simple ŝokita. Mi longe penis trovi iujn pravigojn por miaj e-amikoj – ne trovis! Sole tamburas en la kapo: estas la onia deziro neprege oponi min, fari la malon. For la predikojn de s-ro Gonĉarov!

Kaj mi plenespera sonĝis antaŭ la konferenco. Kunvenas la homoj certe jam delonge konantaj la praktikajn aplikojn de la Sistem-teorio. Ili scias, ke ne necesas elekti la abstraktan gvidantaron. Ja en la gvidorgano estu homoj jam havantaj sian e-aferon kaj sian e-kolektivon. Kaj anstataŭ gvidi onu kunlaboras kaj KUNGVIDAS. Do iĝas membroj de la REU-konsilantaro ĉiuj e-klubestroj (kun reale kunvenaj kaj laboraj kluboj), kaj estroj de e-redakcioj, e-eldonejoj kaj e-centroj. (Eble mi forgesis gvidanton de iu laboranta e-grupo – pardonu min.) Tiu konsilantaro ne bezonas estrojn, ĉar ĉiu jam estas mem estro kaj ne bezonas konsilojn de homoj nurkonsilaj ne havantaj iun e-aferon. Por nurreprezentaj funkcioj (kion bezonas la oficiala statuso de REU) oni elektas prezidanton kaj realan financiston inter la moskvaj esperantistoj, kiuj per aparta kozo eniru la konsilantaron. Ĉe tio gravas ja titoloj kaj, ĉar la laboro estas tre eta, mi vidas sur tiu posteno prof. Ŝilo aŭ alian simile altpostenan personon. Oni establas retliston fermitan por la partopreno, sed malferman por nurlegi (kiaj sekretoj de siaj membroj?). Kaj eklaboru la estroj: kunlaborprojektoj, interesaj ideoj, apartaj komisiitoj (kiuj mem sin proponas el inter la neestraj gesamideanoj), divido de siaj spertoj, bezonataj pridecidoj ktp, ktp.

Kia ĝua DEMOKRATIO!!! La (super)estraro estis bezonata nur en pratempo de interret-foresto, kial nun rekrei la antikvon? Kial unu klubestro (ekz. Jurij Karcev) eniris la Estraron aŭ/kaj Konsilion, sed alia (ekz. klubestro el Lipeck ktp) ne eniris? Kial Jura respondecas pri eldonagado, ĉu li havas pli fortan eldonan bazon ol "Impeto" aŭ "Sezonoj" aŭ "Justo"? Por kiu celo duŝtupa gvidantaro (estraro-konsilantaro), ĉu por ke unu ŝtupo komisiu al alia ŝtupo? Mi petas iun ajn el la plurmembra REU-gvidantaro respondi al mi kaj aliaj publike: "kial la moderna gvidskemo laŭ la Teorio de Sistemevoluo ne taŭgas por la rusiaj e-istoj kaj tiu de la pasinta jarcento taŭgas?"

Kiam gravegaj e-movadon-movaj centroj (ekz. "Sezonoj", "Impeto", REGo, Ŝilo-Universitato, uralaj e-klubestroj ktp) ne partoprenas la REU-decidojn, kian progreson oni atendu? Proponi ke la ĵusnomitaj centroj atendu "konsilojn" de la Konsilantaro, estas neserioze. Mi petos publikan pardonon, se post la laborjaro oni publikigos en REGo almenau kelkon da gvidaj nomoj petintaj iun ajn konsilon ĉe REU-Konsilio...

La termino "komisiitoj" restu en la pasintaj jarcentoj. Ekz. A.Titaev delonge, ja sen ajnaj desupraj komisioj aŭ konsiloj, kunordigas la Fororientan e-movadon, efike ekkunlaboris ekz. kun ĉinoj. Devu esti alia termino anstataŭ "komisiito" – "sinpropono" aŭ "sindevigo" aŭ pli simple "deziranto" aŭ "e-taskulo" k.s. Se aperas gvidemulo kaj ĉirkaŭ li kreiĝas teamo, tiu estro ne bezonas gvidadon, sed kunlaboron, kaj kungvidi la movadon – jes, tio estas normala kaj moderna. La modernaj teknikaj rimedoj permesas la grandan efikon de la kungvidado (pli ekzakte kunlaboro kun komunaj decidoj).

Pro la malsistema aliro al la gvidorganoj estas aliaj eraretoj, sed mi limigu min ĉe la jama dirito.

P.S. Ekz. membrokartoj nenie uzataj estas vana monelspezo.

***Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## PRI LA KORESPONDADO INTER REU KAJ LA PREZIDENTA ADMINISTRACIO [1]

Mi havis la okazon legi la plenan version de ambaŭ leteroj en la ruslingva originalo, kaj mi konstatas plurajn strategiajn erarojn en la letero de Gudskov/Seguru (plue G/S), ekzemple:

– ĝenerale neobjektiva pritakso de la rolo de la angla lingvo (en komparo kun aliaj lingvaj imperiismoj, kiujn la subskribintoj prisilentas, inkluzive de la rusa mem);

– argumento, ke la subskribintoj ne komprenas, kial la rusaj ŝtataj aŭtoritatoj silentas koncerne la apogon de Esperanto en la 21-a jarcento (tio estas superflua riproĉo al ŝtata instanco);

– mencio de Johano Paŭlo II (superflua flato pri ĉefa malamiko de la rusortodoksuloj);

– superfluaj akuzoj kontraŭ la Ministerio pri Edukado kaj Scienco pro "bedaŭr-

[1] La leterojn mem vidu ĉi-numere en la ***Bulteno de REU*** (pp. 22 – 25)

inda ekzemplo de aŭtoritatismo”, kiun G/S akuzas ĉar laŭ ili ĝi fariĝis la “plej efika agento de la influo de la angla lingvo” kaj ĉar ĝi “malpermesis la instruadon de Esperanto en la superaj lernejoj (mankas ekzemploj kie oni malpermesis ĝin);

– neadekvata uzo de vortoj kiel “крючкотворство” kaj “таран” lige kun la kritiko kontraŭ I.I.Ĥaleeva, kiu estas signifa ruslanda lingvisto kaj ĝuas grandan estimon flanke de Kremlo <http://archive.kremlin.ru/text/greets/2006/02/101051.shtml>;

– supertaksado de la rolo, kiun Eo povus ludi en la Strategio pri nacia sekureco (komplete ridinda argumento);

– la ekzemplo de Hungario ne estas sufiĉe konvinka, des pli ke en la universitato “Eötvös Lorand” la interlingvistika fako estis fermita (oni povintus ankaŭ mencii la Eo-elsendojn de Pola Radio, kiuj funkcias ankoraŭ kiel podkasto).

Krome:

– oni ankaŭ ne komprenas, kial ĝuste rusoj proponas al sia prezidanto, ke oni devus imiti la lingvopolitikon de Eŭropa Unio, kiun la e-istoj mem kritikas;

– la argumento en la letero de G/S, ke ankaŭ Ruslando suferas pro la lingva malegaleco en la mondo, estas la plej granda idiotaĵo, kiun mi entute legis ĝis nun;

– la propono pri seminario estus en si mem taŭga, se tiu propono estus pli racie formulita.

La letero de G/S postlasas la impreson, ke ĝiaj celoj estas:

– ĝenerale kondamni la anglan lingvon;

– gajni la prezidenton en la polemiko kontraŭ la angla lingvo;

– lanĉi intrigon inter la prezidenta oficejo unuflanke kaj la Ministerio pri Edukado kaj Scienco inkluzive konkretajn personojn (kiel I.I.Ĥaleeva) aliflanke.

Ĝenerale, la letero aspektas kiel granda mikspoto de dubindaj argumentoj, pri kiuj inteligentaj burokratoj (ankaŭ tiaj ekzistas en Ruslando) povas, post unua mirado, nur moki kaj ridi.

Do, la letero de G/S estas **komplete fuŝa dokumento**, ĉar ĝi enhavas a) diversajn strangajn, neobjektivajn asertojn; b) superfluajn akuzojn, neadekvatan kritikon kaj suspektindajn flatojn; c) estas verkita en aroga kaj truda maniero.

Bedaŭrinde, la Esperanto-fundamentalistoj ankoraŭ ne komprenis, ke per ilia pseŭda argumentado ili pli damaĝas la Esperanto-projekton ol helpas al ĝi.

Unu plian fojon en sia blinda naiva entuziasmo ili lernis nenion el pli fruaj spertoj kaj ripetas ĉiam denove la samajn erarojn, kiujn jam multaj aliaj faris antaŭ ili, kun la sekvo, ke ili poste ĉiam ricevas la samtipajn respondojn kaj ke ili estas frustritaj. Mi konsilas al vi sendi tiajn leterojn unue al iu vilaĝestro, tiam vi povos malpli damaĝi, antaŭ ol vi sendas ilin al la ŝtata prezidento.

La respondo de Beljaev estas racia kaj entenas trafajn, ĝustajn kaj verajn argumentojn. Estas efektive vere, ke Esperanto ne estas sufiĉe disvastigita kaj kiel rimedo de interkultura lingvo estas sensignifa. En la respondo troviĝas la ĝusta reago, ke estas sendube troigite aserti, ke la vasta disvastiĝo de la angla lingvo signifas minacon por la kultura identeco kaj por la nacia sekureco de la neanglalingvaj landoj inkluzive de Ruslando.

Interesa argumento, kiun mi ĝis nun en tiu formo neniam aŭdis, estas ke ŝtato

timas perdi sian suverenecon, se oni uzus Esperanton en internaciaj rilatoj.

**Surprize** en la letero de Beljaev estas, ke la ruslandaj aŭtoritatoj ne tute fermis la pordon al Esperanto, per la atentigo, ke la fakultativan instruadon de Esperanto en mezaj kaj superaj lernejoj oni konsideras tute pensebla, kaj ke la esperantismo meritas sciencan pritrakton. Tiun ĉi laste menciitan elementon en la respondo de Beljaev **necesus ekspluati**, sed prefere laŭ inteligenta maniero.

Anstataŭ agi per pseŭdaj argumentoj ĉe politikistoj estus pli utile, se oni atentigus pri la interlingvistika laboro farita en la pasinteco en Ruslando (Sovetunio). Do, anstataŭ skribi plej diversajn stultaĵojn estus pli saĝe mencii la meritojn kaj atingojn de Bokarev, Aĥmanova, Isaev, Grigorjev, Kuznecov, Duliĉenko, la ĉefaj figuroj de la sovetia kaj ruslanda interlingvistiko kaj esperantologio. (Intertempe en Ruslando bedaŭrinde interlingvistiko preskaŭ elĉerpiĝis.) Aŭ anoncu, ke vi tradukis/publikigis la Konstitucion de la Ruslanda Federacio, aŭ la libron "Gulaga arkipelago" de A.Solĵenicin (kiun la Ministerio pri Edukado kaj Scienco proklamis kiel devigan legaĵon), se vi ankoraŭ ne faris tion, aŭ rakontu, ke en la SEJM-tendaroj vi siatempe kantis patriotajn kantojn en la lingvo Esperanto, aŭ esperantigu la artikolon de Medvedev, kiun li antaŭnelonge publikigis pri la situacio de Ruslando, kaj kontribuu per adekvata inteligenta respondo – Kremlo ĝoĵos, aŭ helpu kiel esperantistoj savi la lingvojn de minacataj nacimalplimultoj kiel ĉeĉenoj, marioj, ĉuvaŝoj, ĉukĉoj, kalmukoj k.m.a. (kiuj iĝis viktimoj de la rusa kaj sovetia imperiismo) – tiel vi faros al via lando multe pli gravan servon, ol se vi **stulte** polemikas kontraŭ la angla lingvo (tasko kiu vin kiel rusojn ne koncernas) aŭ **stulte** atakas Ministeriojn kaj eminentulojn, kio estas komplete sensenca kaj senutila klopodo, kiu direktos sin nur kontraŭ vin mem kaj Esperanton.

Laŭ komento de N.Gudskov en <reu-agado> la "ekspertoj de la Akademio de la Sciencoj", kiuj estas menciitaj en la respondo de Beljaev, estis prof. M.Isaev, al kiu helpis skribi la leteron V.Samodaj. Laŭ ilia aserto, la "eksperta letero" al la prezidenta administracio havis tute alian enhavon, ol ŝajnigas la oficialulo...

Stranga afero – el tiu konfuza rimarko oni ne komprenas la rolon de Isaev kaj Samodaj kaj kion ili vere asertis kiel ekspertoj. Do, demandu ilin pri la enhavo de ilia letero kaj publikigu tiun leteron. Sed eĉ se Isaev kaj Samodaj apartenas al la eksaj sovetiaj propagandistoj, ŝajnas, ke la ŝtataj instancoj daŭre konsideras ĝuste ilin kiel kompetentulojn por kontroligi la dubindajn asertojn de iuj "oficialaj reprezentantoj" el la "Esperantskaja ASSR".

Konklude: Similaj leteroj kiel ilin verkis G/S al la prezidento de la ŝtato, estas mistrafaj kaj superfluaj.

Laŭ mia opinio, en Eŭropo, kaj verŝajne ankaŭ en aliaj kontinentoj, eĉ unu malgranda aŭ granda popolo ne estas minacata pro la uzado de la angla lingvo. Tie kie tiu lingvo ne estas oficiale uzata kiel ŝtata lingvo, sed utiligata kaj agnoskata, precipe kiel *lingua franca* ekzemple en diplomatio, scienco, ekonomio, politiko (en limigita maniero), la neanglaj popoloj sukcese rezistas la anglan lingvon. Sed la angla lingvo neniel tuŝas la normalan ĉiutagan vivon de la neanglaj popoloj. Eble nur en Skandindavio la angla lingvo estas uzata en iom pli vasta grado, kaj en Svislando ekzemple en la kontakto inter homoj de internaciaj firmaoj, ekzemple inter la

franclingva kaj germanlingva partoj (vd. mian kontribuon en "Interlinguistica Tartuensis VIII"). Kvankam ekzemple en la svisalemanan lingvon enpenetris multaj anglismoj, tio neniel signifas, ke tiu lingvo estus minacata de la angla. Eĉ kontraŭe, ŝajnas ke la anglismoj eĉ subtenas tian lingvon (kaj inverse), kiu siaflanke pruvas ke ĝi kapablas ensorbi neologismojn. Mi ne estas profesia fakulo pri tiu temo, sed al mi estas konata neniu ekzemplo de lingvo, kiu estas rekte minacata de la angla lingvo en sia funkcio **kiel internacia lingvo** (t.e. *lingua franca*) kaj kiu baldaŭ pereos pro tio.

Lingvoj pereas pro plej diversaj kialoj – la angla ja povas ludi rolon por morto de iuj indiĝenaj lingvoj aŭ akceli ĝin (kiel en la keltaj regionoj kie okazis vasta angligo), sed ne ĝenerale. En tiu kazo oni devas fari diferencon inter la angla, kiu ludis angligan rolon en la koncernaj landoj mem, kaj la angla lingvo en ties rolo kiel internacia *lingua franca*.

Indiĝenojn en Ameriko oni mortigis, ĉar ili estis ĝenaj indiĝenoj kiuj kontraŭstaris la planojn de koloniistoj, sed ne ĉar oni volis ilin angligi aŭ hispanigi. En Usono la angla ludis pozitivan rolon en la libervola unuigo sine de tute kaj unike nova nacio de enmigrintoj el plej diversaj landoj kaj kulturoj, kiuj kultivas en la diasporo siajn originan lingvon kaj kulturon.

Do, la problemo estas treege multfaceta kaj pli komplika ol G/S imagas.

Koncerne **Ruslandon**, tie ne la angla lingvo kaŭzis/as/os la minacon por kulturaj identecoj kaj pereon de minoritataj lingvoj, sed **la rusa lingvo** kiel instrumento de la rusa ŝovinismo kaj imperiismo mem (kelkaj ekzemploj de minacataj popoloj estas menciitaj supre, kaj ekzistas ankoraŭ multe pli).

Do, la angla lingvo videble servas al la Esperanto-fundamentalistoj sole kiel ideologia propagando por pravigi Esperanton, same kiel al la komunistoj servis en ties ideologia propagando la "lukto" kontraŭ la burĝa ideologio, la kapitalismo kaj imperiismo. (Oni ne devas aparte emfazi, ke la komunistoj perdis tiun lukton.)

En la libro "Ĉu nur-angla Eŭropo?" R.Phillipson diference traktas la demandon ĉu la nuntempa disvastiĝo de la angla lingvo grave minacas ceterajn lingvojn de Eŭropo. Antaŭ ol havigi al ŝtata prezidento plumpajn propagandajn asertojn el la vidpunkto de la Esperanto-fundamentalismo, estus pli saĝe referenci al la argumentoj prezentitaj en tiu studo.

Cetere la ĉi-koncernaj respondoj en Ruslando kaj Brazilo, kiuj tre similas unu la alian, montras ankaŭ, sur kiu nivelo de la ŝtata burokratia hierarkio oni traktas la temon Esperanto. Ne la ricevinto de la letero de REU mem respondas, sed iu ajn subalterna funkciulo, kiu eble rajtas perdi sian tempon por tiaj groteskaj leteroj senditaj el la publiko. Ke oni entute ricevis respondon, eble montras ankaŭ pozitivan ŝanĝon en la administracio de Ruslando, kompare kun la tempo de Putin, kiu konsideris nenecese respondi koncernan leteron de e-istoj. Tiu letero de Beljaev estas do afabla gesto kaj montras ankaŭ ŝanĝon ekde la tempoj de SSOD/ASE, kiam flanke de la ŝtato oni sufiĉe skeptike rilatis al la malfacile kontrolebla "popola" Esperanto-movado en Sovetunio kaj entreprenis ĉion, por ke ĝi ne prosperu (ekster la sino de la ŝtate kontrolitaj strukturoj).

Iom malfeliĉa estas ankaŭ la tempa koincido: la REU-letero estis sendita en

majo, kaj la letero de Dasgupta – en junio. Do, eble la sama sekcio en la prezidenta aparato devos dufoje okupiĝi pri tiu temo. Principe baldaŭ devus sekvi ilia respondo. Do, oni atendu ankoraŭ la respondon de Medvedev al la letero de Dasgupta por poste povi meti la embarasan diskuton *ad acta*, se oni ne kapablas en pozitiva maniero ekspluati malfermitajn pordojn, kiuj estas signalataj en tiuj respondoj flanke de ŝtataj instancoj (en Brazilo oni ja klopodas).

***Andreas Künzli (Svislando)***

P.S. Mi iom traesploris la retujon de la Ruslanda Ministerio pri Edukado kaj Scienco <http://mon.gov.ru/pro/fgos/>. Sub aktiveco ("деятельность") kaj projektoj ("проекты") mi ne trovis ion specialan rilate la anglan lingvon. Koncerne prioritatojn de la Ministerio aperas jena listo: <http://mon.gov.ru/obr/forum/30/38548/59902/#m59902>. Tie aperas diversaj komentoj pri la elektendaj fremdlingvoj ktp. ktp. Do, la e-istoj povus pripensi, en kiuj projektoj ili partoprenu, antaŭ ol plendi ĉe la prezidento pri la angla kaj proponi anstataŭe Esperanton.

Ĉe serĉo en la maŝino laŭ "английский язык" aperas longa listo de kontribuoj el la publiko <http://mon.gov.ru/obr/forum/30/38548/59902/#m59902>. Do, eble estus utile trastudi tiujn komentojn kaj referenci, kiel esperantistoj, al ili. E-istoj tie povas ankaŭ postlasi sian komenton. Tio estus pli utila ol skribi dubindajn leterojn al la ŝtata prezidento.

Tiuj paĝoj estas atingeblaj ankaŭ en la angla lingvo (**jes – en la angla lingvo**).

Alian interesan informon mi trovis en la retujo de la Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj. Tie estas notite, ke en 2001 oni instruis entute 60 fremdlingvojn, do ne nur la anglan – <http://www.mid.ru/nsite-sv.nsf/mnsdoc/03.15.03.01>: 1998 – преподавание 57 иностранных языков: 28 европейских, 29 восточных и африканских; 2001 – преподавание 60 иностранных языков.

Se en la reto vi serĉas ekzemple laŭ "Изучение иностранных языков в России", vi ricevas amason da ligoj al plej diversaj materialoj.

Do, anstataŭ ol skribi stultajn leterojn al la prezidento de la ŝtato, estus pli saĝe unue ekspluati tiujn materialojn kaj sekvi la diversajn diskutojn kaj poste formuli vidpunkton pri konkreta temo.

P.P.S. Antaŭ nelonge mi legis en "Neue Zürcher Zeitung", ke la plej efikan fremdlingvan instruadon en Usono ofertas la Ministerio pri Defendo.

## ĈU NURA FUŜO AŬ IDEOLOGIA KONTRASTO?

La artikolo de Andy Künzli (AK) koncerne "korespondadon kun Medvedev" estas, kompreneble, ne nur atako al konkreta ago de tiamaj (majo 2009) REU-estraranoj V.Seguru kaj N.Gudskov, kiuj sendis la leteron, sed ankaŭ al gvidoroj de UEA, unuavice ties prezidanto Probal Dasgupta, sendinta sian leteron al aro da ŝtatestroj. Tian agadon, entreprenantan de tiuj, kiujn li nomas "esperantaj fundamentalistoj", li kritikas de sia, laŭ li pli perfekta, raŭmisma aliro. Do, la "fundamentalistoj" agas diletante kaj fuŝe, ne diletantoj estas la raŭmistoj – sed pri ties ne fuŝaj kaj profesiaj agoj mi, bedaŭrinde, ne estas informita.

Kun la unua akuzo mi volonte konsentas: jes, plimulto da esperantistoj, inkluzive min, estas "fundamentalistoj" en la senco, ke por ni baza valoro plu estas la celo ("pracelo" laŭ la Raŭma manifesto), ke Esperanto iam fariĝu la dua lingvo por ĉiu kaj tiel solvu la problemon de komunika malfacileco inter popoloj. Se tio estas "peko", mi ne pentas pri ĝi.

Mi konsentas ankaŭ kun la dua akuzo, ke ni estas "diletantoj". Jes, nia movado estas amatora, diletanta, desuba, ne konsistas el profesiuloj – kaj tial principe ne kompareblas al ajna profesia komunumo. Malmultaj fakuloj, kiuj nian komunumon eniras, malofte aktivas por la movado, tamen se jes, efikeco de ilia agado kutime ne pli grandas, ol la rezultoj de la agado de ni, amatoroj. Se AK opinias sin pli efika profesiulo, kie estas pozitivaj rezultoj de lia agado?

Poste li traktas la strategiajn erarojn de nia letero. Pritakso de ilia "erareco" ĝenerale (krom riproĉoj pri la stilo, kun kiuj mi principe konsentas, sed kiuj estas malpli gravaj) koncernas du poziciojn.

**Unue,** li malkonsentas kun nia pritakso de la negativa influo de la angla, kio havas pure ideologian karakteron. Esperanta gazetaro estas plena de argumentoj pri tio, ke la nuna funkciado de la angla kiel ĉefa lingvo en internaciaj rilatoj havas negativan influon je la aliaj lingvoj kaj kulturaj tradicioj, kaj lia kontrasta pritakso malkoincidas kun opinio de tre multaj aliaj esploristoj, ankaŭ profesiaj (kaj ne nur esperantistoj!). Do, estas problemo de la starpunkto. Detala scienca diskuto pri tio eliras el kadroj de lia artikolo (li nur skizas sian starpunkton) kaj tiu ĉi respondo. Nur unu rimarko: se la angla estus vere precipe neŭtrala *lingua franca,* pro kio do aperu la ideo de Esperanto? Io ne koheras en la argumentado de raŭmisto... Sed ĝuste ĝi, por ŝtatestroj de neanglalingvaj landoj, povas esti sufiĉe atentokapta ideo.

Malgraŭ asertoj de AK, strategie (kaj ankaŭ fakte) ne indis mencii la lingvo-subpreman rolon de aliaj grandaj lingvoj, pretendantaj je la rolo en internacia uzado. Unue, ĉar tiu rolo, malgraŭ penoj de koncernaj ŝtatoj plivastigi aŭ, almenaŭ, konservi tian uzadon de siaj lingvoj, rezultojn ne donas. La uzado de la rusa ĉiam pli reduktiĝas al la limoj de Rusia Federacio (eble, povos konserviĝi ankaŭ en rilatoj kun Ukrainio, Kazaĥio kaj kelkaj aliaj postsovetiaj landoj kun granda kvanto de rusa loĝantaro, sed ne pli); la uzado de la franca ĉiam pli limiĝas al kadorj de Franca Respubliko, ĝia signifo malpliiĝas eĉ en EU; la germana, malgraŭ ĉiuj penoj, ne sukcesas atingi la rolon de la tria oficiala lingvo en EU, ktp. Krome, mencii la rusan estus strategie absolute nekorekte – el la respondo de la referento Beljaev klaras, ke la plej granda zorgo de la rusa potenco sur la lingva kampo plu restas konservado kaj plivastigado de la uzado de la rusa en internaciaj rilatoj, kaj kritiki tiun punkton estus draste malracie.

**Due,** alia grupo de kritikoj de AK venas pro nescio de konkretaj realaĵoj, kun kiuj pli frue kunpuŝiĝas rusiaj esperantistoj, kaj tio, kion li prezentas kiel eraron, estas rezulto de antaŭaj traktadoj kun oficialuloj. Unuavice temas pri mencio de akademianino I.I.Ĥaleeva, "kiu estas signifa ruslanda lingvisto kaj kiu ĝuas grandan estimon flanke de Kremlo", kiel prave difinas ŝin AK. Sed, kaj pri tio AK ne scias, ĝuste malmencio de tiu "estimata sciencistino" estus eraro. Ja antaŭ kelkaj jaroj aktivuloj de REU (unuavice, unu el la subskribintoj de la konsiderata letero

V.Seguru) entreprenis seriozan agadon en la Ministerio pri Edukado kaj Scienco por oficialigi programon de instruado de Esperanto en superaj lernejoj, sen kio ajna instruado de Esperanto al studentoj, *ankaŭ fakultativa*, kunpuŝiĝas kun malfcilaĵoj. Estis atingita bona interkompreno kun oficistoj de la ministerio, eĉ sufiĉe altnivelaj, kaj ili principe pretis inkludi iun priesperantan programon en la ŝtatajn instruajn normojn. Tamen estis nepre necesa pozitiva reeĥo al la propono pri tio flanke de la instru-metodika komisiono pri fremdlingva instruado, kies prezidanto estas ĝuste la estimata akademianino. Kaj la reeĥo de I.I.Ĥaleeva venis – pure negativa. Rezulte ĉiuj rilatoj kun la oficistoj de la Ministerio, antaŭ tio tre amikemaj, ĉesis. Sekve, por iu ajn sekva paŝo en traktado de la afero pri instruado de Esperanto al studentoj (ankaŭ fakultativa, kiun bonvoleme "permesas" s-ro Beljaev), nepre necesis/as nun "lanĉi intrigon inter la prezidenta oficejo unuflanke kaj la Ministerio pri Edukado kaj Scienco inkluzive konkretajn personojn (kiel I.I.Ĥaleeva) aliflanke" laŭ lerta esprimo de AK, aŭ, pli klare, noti la startan pozicion por ajna pozitiva traktado (se tio ĝenerale eblas), ke Ĥaleeva nepre ne devas partopreni tiun traktadon, ĉar jam tute klare sian pozicion fiksis. Do, AK kaj "inteligentaj burokratoj" povas "post unua mirado, nur moki kaj ridi" – sed la afero estas sufiĉe serioza.

Aliaj kritikoj de AK estas aŭ ne tiom gravaj aŭ strangaj (ekzemple, la bedaŭrinda afero, ke en Budapeŝta universitato ne plu funkcias interlingvistika fako neniel influas la fakton, ke en Hungario eblas fari *ŝtatan ekzamenon* pri fremda lingvo elektante Esperanton, kaj ke en aliaj superaj lernejoj de tiu lando Esperanto estas ja instruata, ke kritikataj en aliaj landoj aferoj estas dume bona ekzemplo en Rusio ktp.). Ĉiuokaze, ne ili estas plej principaj. Mi diru, cetere, ke lia konsilo mencii la Polan Radion estas trafa. Tamen, aparte rimarkendas, ke AK diras, ke "la plej granda idiotaĵo, kiun mi [AK] entute legis ĝis nun" – ke ankaŭ Rusio suferas pro la lingva malegaleco en la mondo. Nu, ĝi ŝajnas al li tia nur tial, ĉar li pri vivo en Rusio scias malmulte kaj/aŭ el ne fidindaj fontoj. Li sciu, ke nun en Rusio tiu, kiu ne scias la anglan, estas iu subhomo (*untermensch*, por ke al AK estu pli komprenebla), kiu havas malgrandajn perspektivojn sukcesi en kariero aŭ negoco kaj ĝenerale esti serioze traktata. Anglalingvaj surskriboj ĉie abundas, eĉ verkistoj ofte prenas anglajn pseŭdonimojn, por ke eldonejoj prenu iliajn librojn... La situacio pri la rusa estas tre simila al tiu, kiu estas pri lia gepatra lingvo, la germana, kaj plendojn pri la kripligo de la germana flanke de la angla, same kiel plendojn pri neebleco adekvate sin esprimi en la angla, kion postulas de ili cirkonstancoj, diktataj de la absoluta regado de nur tiu lingvo, mi aŭdis de diversaj germanaj esperantistoj... Eble li mem, kiel profesia lingvisto, tion ne vidas, sed ja plimulto de la homoj ial – ve! – ne estas profesiaj lingvistoj...

Kio plej gravas, en sia kritiko AK *tute ne rimarkis la ĉefajn proponojn* de la letero, kiuj ja ne estas tiom teruraj kaj kontraŭanglalingvaj, kiel li emas prezenti: instruadon de ne nur la angla, kiel sola ekzistanta fremda lingvo, sed ankaŭ de alia kroma, kiu, egalrajte por ĉiuj elektebla, estu Esperanto. La propono absolute ne fantasta kaj tute ne kontraŭdira al ekzistanta en aliaj landoj (jen la ekzemplo de Hungario!) praktiko. Ĉu ankaŭ tio estas "idiotaĵo"? Verŝajne jes, ĉar AK ĝin tute malrimarkas!

Kio estas por mi mirinda afero, estas, ke li, kondamnante la leteron de “fundamentalistaj esperantistoj”, laŭdas respondan leteron de la referento Beljaev, kiu, laŭ li, “estas racia kaj entenas trafajn, ĝustajn kaj verajn argumentojn”, listigante delonge kutimajn al esperantistoj esprimojn. Pli: al AK ial plaĉas ĝuste *lingvonaciismaj* argumentoj, kiel minaco de Esperanto al la ŝtata suvereneco! Ial lin “surpizas”, ke oni ne kontraŭas fakultativan instruadon (kvazaŭ oni ĝin iam rigore malpermesis!) – tio estas ne pli ol afabla formo de kruda rifuzo! Ridindas la admiro de AK pri tio, ke esperantistoj kiel socia fenomeno meritas sciencan pritrakton – nu, jes, kiel papilio sur pinglo... En la kunteksto de la letero ĝuste tio aspektas kiel moko.

Admirinte pri inteligenteco de la funkciulo de la prezidenta administrejo, AK komencas instrui, kiel necesas paroli kun la ŝtataj oficistoj. Post tiom drasta kritiko, ni, fundamentalistoj-diletantoj, kapablaj nur diri idiotaĵojn, rajtus atendi de la alta profesiulo sagacajn revelaciojn. Sed ĉi tie komenciĝas veraj strangaĵoj. Unue, ni devus mencii iamajn verkojn de sovetiaj interlingvistoj, kiuj estis faritaj antaŭ 20-50 jaroj. Ĉu li ne scias, ke jam tiam ili, se estis efikaj por disvastigo de Esperanto, do nur tre limigite (apero de du vortaroj de Bokarjov kaj lernolibro de Semjonova-Isaev plus kelkaj sciencaj kolektoj kaj libroj – sed tiaĵoj nun atingeblas sen ŝtata apogo)? Due, laŭ AK ni devas traduki la Konstitucion de RF kaj freŝan artikolon de D.Medvedev kaj kun respekta sinklino prezenti la tradukojn al la moŝtoj. Brila rekomendo, kiu tuj memorigas pri traduko de la sovetia Konstitucio kaj freŝaj artikoloj de Stalin en 1936! Por kiuj nin, do, prenas AK? Cetere, li ne povas ne scii, ke eĉ tiam la gloraj agoj ne nur ne kontribuis oficialan agnoskon de Esperanto, sed eĉ antaŭis pereigon de la movado en USSR...

Tiu strategio, eble, iom efikis en 1960-80-aj jaroj, kiam preskaŭ solaj eldonataj libroj en Esperanto povis esti paroladoj de Breĵnev, Andropov, Ĉernenko, Gorbaĉov... Estis alia epoko, aliaj eblecoj... Ĉu AK kapablas pensi nur per kategorioj de la totalisma kaj aŭtoritatisma socioj? Strange – mi alie imagis mensan staton de homoj, kiuj edukiĝis en Svisio, lando de, onidire, tre malnova demokratio. Nu, eble, sciencaj okupoj de AK kondukis lin al prefero de totalismo, mi ne scias – la scienco ĉe diversaj homoj povas havi diversajn rezultojn. Sed bonvolu ne revenigi nin al tiu “ideala” situacio, permesu al ni traduki kaj eldoni tion, kio al ni plaĉas, sed ne tion, kio supozeble povos plaĉi al “Kremlo”!

Des malpli science sonas la rekomendo helpi al savo, pere de Esperanto, de kulturoj de naciaj malplimultoj en Rusio. Ĉu moko? Kial tiom stranga pensoturno de nia alta profesiulo? Ĉu li ne komprenas mem, ke ia ajn pozitiva influo al naciaj kaj etnaj lingvoj kaj kulturoj povas principe sekvi nur post *politika decido* pri apliko de Esperanto? Tio legeblas jam en Bulonja Deklaracio! Ĉu ne klaras, ke ni (kiel ĉiuj esperantistoj-fundamentalistoj) ĝuste tion celas? Logiko, tamen... Verŝajne, nur plena ekposedo de la raŭmismo permesas kompreni tian logikon, por ni, diletantoj, ne atingeblan...

Nu, kaj la plej granda instruo de nia sagaca sciencisto: ni, rusoj, vivas ekster la mondo, nin ne koncernas la procezoj de influo de la angla, ekonomia krizo kaj ceteraj riveliĝoj de la tutmondiĝo. Ni ne parolu pri tio, ĉar tio povas malhelpi al rusaj milionuloj meti monon en svisajn bankojn (kie eblas paroli angle) kaj per tio gra-

sigi la svisan ekonomion. Do, ni, griloj, sidu sur nia bastoneto. Sidu tie kune kun aliaj "idiotaj" fundamentalistoj, kiel P.Dasgupta, Z.Tišljar kaj ceteraj fuŝuloj, kiuj prefere traduku freŝajn artikolojn de siaj ŝtatestroj kaj ne provu montri sin al la mondo.

Dankon, "amiko", sed tian pozicion ni okupi ne konsentas.

Kiel estas dirite, "Raŭmisto finvenkiston ne komprenas". Kaj reciproke.

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

## NACIAJ DIRAĴOJ E-VESTE

***parto 4*** [1]

*PREFACE: La citaĵoj estas ordigitaj laŭ la jaro de ties apero.*

**D A N L A N D O**

"Tion mi nomas renversita mondo" ridis Kamilla, pri kiu ĉiu sciis, ke **ŝi havas amantojn, kiom ŝafoj sur la montebeno**.

*F.Z., tr. Norda Prismo, 1955, 1, p. 12*

Kiel oni venis al tiu stato? Ne estis facile kompreni, kiel okazis, ke li nun sidis kun la potenco, kun aparato de minisroj, kontorestroj, gardistoj kaj amaso da kontoroj, kie **homoj, kiujn dum jaroj oni ne estus bezonintaj, nun sidis kaj plenblovis sin**.

*F.Z., tr. Norda Prismo, 1955, 11, p. 11*

... kartludis kaj **drinkis brandon ĝis la zigzaga ebriiĝo** ...

*Zora Heide, or. Fonto, 4 (jan. 1981), p. 33*

Kun rapideco de 50 000 km ĉiuhore "Pioniro 10" **dense preterpasis** Jupiteron kaj kiel la unua eltera objekto...

*Paul Thorsen, or. Literatura Foiro, 95, (feb. 1986), p. 26*

... kiuj trovas niĉon por pli bone vivi ol siaj membroj kaj komprenas la **diplomatian vojon** por iri **por samtempe blovi kaj havi farunon en sia buŝo**, kaj ili elspezas preskaŭ same kiel kapitalisto.

*Kai Henriksen, or. El la letero al A.Gonĉarov, 1990*

Ni havas sindikatojn, laboristajn partiojn, ĉar ankaŭ ĉe ni estas **homoj kun "pintaj kubutoj"** kiuj trovas niĉon por pli bone vivi ol siaj membroj.

*Kai Henriksen, or. El la letero al A.Gonĉarov, 1990*

"Nu bone", ŝi diris, donante al li la lastan froton, "nun vi **brilas kiel kata merdo en lunlumo**"...

*Finn Elwarth, tr. Fonto, 262 (okt. 2002), p. 23*

La radoj tranĉis profunde la sablon, la ŝmiraĵa siteleto svingiĝis sub la veturilo, la veturilo mem svingiĝis kaj Ole svingiĝis kune. La tuto **balanciĝis malvigle kaj regule kiel kapo de idioto.**

*Finn Elwarth, tr. Fonto, 262 (okt. 2002), p. 24*

"Tiom longe kiom Ole kaj mi kunestas, mi kondutas min tiel ke mi povas rigardi

---

[1] La antaŭaj partoj aperis en REGo №№ 2 (51) – 4 (53), 2009.

lin fikse en la okulojn. Mi estas deca virino, kaj **kiel vi kuŝas, tio min ne tuŝas**".
*Finn Elwarth, tr. Fonto, 262 (okt. 2002), p. 25*

Kiel diablo tio posedis liajn manojn, instigante lin preni ŝin, igi ŝin krii, sed **ene de li la diafragmo tremis kiel ĉe malseka hundo**.
*Finn Elwarth, tr. Fonto, 262 (okt. 2002), p. 26*

**F I N N L A N D O**

Por vekiĝi al tumulto taga nokta strato **dormas ŝtonprofunde**
*Joh. Edv. Leppakoski, tr. Norda Prismo, 1969, 1, p. 51*

Per lerta nazmovo Hermanni **mallevigis siajn okulvitrojn iom el antaŭ la okuloj** kaj frapetis fingre la gazeton. [Interesa kazo por tradukistoj traduki la situacion. *rim. de AG*]
*Pekka Mantyjarvi, tr. Norda Prismo, 1970, 4, p. 234*

Li nur **plistreĉis sian zonon je unu truospaco**, surkapigis sian ĉapelon kaj iris ek-steren.
*Pekka Mantyjarvi, tr. Norda Prismo, 1970, 4, p. 234*

Malpli agrabla financa afero estas la **nenecesa perdo** de 20 000 mil guldenoj pro... Nu, **ne indas plori pro verŝita lakto**, sed ja necesas zorgi...
*tejo tutmonde, 1996, 1, p. 2*

**F R A N C L I N G V I O**

Kiam ŝi juĝis, ke la juna leŭtenanto **dormas sur ambaŭ oreloj**, laŭ sia prozeca naturo, ŝi ellitiĝis...
*J.Beau, tr. Prosper Mérimée, Colomba, The Esperanto publishing Co. LTD, An-glujo, p. 23*

Insultoj en e-to verkitaj de franca aŭtoro legeblas en:
*Sudfranca Stelo, 93, 1958, p. 11*

Strange, ke la francoj kaj la germanoj havas proverbon tekste kaj sence saman: Né-cessité a pas de loi – Not kennt kein Gebot – **Se estas bezono, ne estas rezono**!
*Raymond Schwartz, Kiel akvo de l' rivero, 2-a parto, Dansk Esperanto-Forlag, 1958, p. 296*

Margarita, mi ŝatus al vi **proksimi kiel la kalkoŝmiro al la muroj.**
*Henri Baupierre, tr. Belarto, aŭtuno, 1961, p. 68*

Ie kaj tie mi rimarkis lerte reverkitan proverbon: "**kiel doloro, la feliĉo tro granda ja senvortas**" memorigas al mi la proverbon: "**La grandaj doloroj estas mutaj**"
*Michel Duc Goninaz, tr. Norda Prismo, 1968, 3-4*

Ne. Mia konvinkiĝo estas firma. Sufiĉas! Fremda proverbo diras – en Francujo, mi kredas – "**ju pli oni knedas fekaĵon, des pli ĝi fetoras**". Do mi devas fermi tiun dosieron.
*Lorjak, or. Neologisme, Helsinki, 1975, p. 69*

Jam oni **sentas la stomakon en kalkanoj**.
*Raymond Schwartz, or. Kiel akvo de l' rivero, Dansk Esperanto-Forlag, 1977, p. 32*

Tiu persono estis stranga viro, kun agla profilo, duraj okuloj kaj buŝo **kokidaĵfektrua**.
*Lorjak, or. Retoj, Fondumo Esperanto – Säätiö, Finnlando, 1978, p. 107*

La sinjorinoj de la Fratinaro pro kompato ploradis en la vicoj, kaj la grasaj standardportantoj mallaŭte rikanis inter si, montrante la povrajn monaĥojn.
"**Malgrasaj estas la sturnoj, kiam ili iras trupe**".
*C.Boumal, tr. Fonto, 12 (dec. 1982), p. 24*

Eble mi **malfermas pordon jam malfermitan** se mi diras, ke la vivo, kun siaj multegaj ĉiutagaj problemoj, ŝajnas ne lasi al la homoj tempon por pensadi.
*W.Gilbert, or. Paco, 1988, p. 2*

**La amo, tio estas, kiam oni ne tuj ricevas, kion oni deziras.**
*Daniel Luez, tr. Fonto, 93 (sep. 1988), p. 23*

La Akademio estas vokita **tranĉi** en la lastaj jaroj, ekzemple, **en la aferoj de** la participoj.
*Andre Albault, or. La Letero de l' Akademio de Esperanto, 1989, 8, p. 3*

En la alineo titolita La Fundamento (p. 2) la komenca frazo tekstas jene: "**Mi ne etendiĝas pri la fundamento**: tion mi jam faris en serio de naŭ prelegoj".
*Andre Albault, or. La Gazeto, 30 (okt. 1990), p. 8*

Ambaŭflanke **ekzistas bonaj argumentoj sed ankaŭ kadavroj en ŝrankoj**. La Analiza Skolo ŝajnas elmeti plilogikajn pruvojn, sed...
*Eŭgene de Zilah, or. La Gazeto, 33 (mar. 1991), p. 13*

Imagu, kiom da fojoj ekde la decido pri ĉi tiu kongreso ĝis hodiaŭ grimpis la inflacio en Bulgario. Kiamaniere en tiaj cirkostancoj decidi pri la prezoj? Pro tio "**ne tro pafu sur la pianiston**".
*Yves Peyraut, or. Sennaciulo, 1993, 10, p. 100*

Bedaŭrinde en LKK ni **scias nur eksplodigi ĉampankorkojn**.
*Ĵak Le Puil, or. La Kancerkliniko, 75 (jul. – sept. 1995), p. 3*

De kelkaj jaroj estas laŭmode ĉe kelkaj aŭtoroj alvoki la "logikon" por enkonduki laŭ ili pli bonan formon aŭ esprimon. La rezulto ofte estas, ke tiele **la tradicio estas fordungita**.
*Andre Albault, or. La Gazeto, 69 (mar.1997), p. 8*

Tiu tradicio volas, ke post la deviga lernotempo kaj antaŭ la elekto de la profesia orientiĝo **la filo forlasu la familian medion por "pajlo-maĉumi"**. La neŭŝatela franc-lingva esprimo "maĉer la paille" signifas restadi dum unu jaro en alilingva regiono de Svislando.
*Claude Gacond, or. Literatura Foiro, 172 (apr.1998), p. 106*

Mi ne trovis ĝin kaj petis helpon de klubo de problemistoj! Ili **sekigis siajn meningojn** ĝis kiam iu memoris, ke li iam vidis ĝin ie, kaj revenis al lia memoro la mekanismo...
*Jean Luc Tortel, or. La Gazeto, 78 (okt.1998), p. 6*

En *La pluvombrelo*, tradukita de Bernard Lageay, iu "Kreĝel" (mallongigo de "sakra anĝel"!), por redoni la francan "pardi" **venas en supon.**

*Ĵak Le Puil, or. La Kancerkliniko, 88 (okt. – dec.1998), p. 22*

Koutny **donis salon al la diskuto**...
*Jeane Marie Cash, or. Esperanto, 1998, 10, p. 174*

Tiun specon de klientaro Maigret **plej timis. Li jam havis la impreson, kvazaŭ li paŝus sur ovoj.**
*Daniel Luez, tr. G.Simenon, Maigret hezitas, Jekaterinburg, 1999, p. 13*

Li estis iom bela knabo, kun malhelaj haroj, bone desegnitaj trajtoj, agresiva rigardo. **Oni divenis lin decida sukcesi en la vivo.**
*Daniel Luez, tr. G.Simenon, Maigret hezitas, Jekaterinburg, 1999, p. 62*

Bedaŭrinde tiuj saloneskaj kritikantoj, **kiuj situas** ĉe Waringhien **en la sama rilato de rano al bovo**... ankoraŭ ne elmetis la kvaronon de nova teorio.
*Andre Cherpillod, or. Literatura Foiro, 189 (feb. 2001), p. 16*

Pri la Plena Gramatiko de Esperanto... li komentarias: "malgraŭ siaj 376 paĝoj kaj spite la blindajn kritikojn de kelkaj **vinagropisuloj**, tiu verko... rapide elĉerpiĝis.
*Andre Cherpilloid, or. Literatura Foiro, 189 (feb. 2001), p. 16*

Ni, tiom lacegaj, senprokraste enlitiĝas. Mia amikino ankaŭ en la sama lito, feliĉe ĝi estas iom vasta. **Peĉ**! Ŝi ronkas laŭte. Certe mi ne dormos...
*Roza Aumeunier, or. La Gazeto, 94 (apr. 2001), p. 31*

Se la EU-ordonoj estis kruelaj por la brutaro, oni povas pensi ke ili estas multe pli mildaj por la **kokinoj ovellasemaj**.
*Jean Bertrand, or. Monato, 2001, 10, p. 4*

Sed **neniu poplo kreskas ĝis ĉielo**. Ankaŭ la angla estas nur nacilingvo en internacia uzado. [ĉio havas sian limon]
*Eŭgene de Zilah, or. La Gazeto, 105 (mar. 2003), p. 4*

La edzino de Ling estis gracila kiel kanotigo, **infaneca kiel lakto**, **milda kiel salivo**, salita kiel larmoj. Post la geedziĝ-ceremonio...
*Marguerite Yourcenar, tr. La KromKancerKliniko, 19 (okt. – dec. 2004), p. 10*

La rizalkoholaĵo liberigis la langon de tiu malgaja metiisto kaj Vang-Fo, ĉi tiun vesperon, parolis **kvazaŭ silento estus muro** kaj la vortoj, koloroj por kovri ĝin.
*Marguerite Yourcenar, tr. La KromKancerKliniko, 19 (okt. – dec. 2004), p. 10*

Fine, la aero maldensiĝis, la **silento fariĝis tiel profunda, ke eĉ torturito ne aŭdacus krii.**
*Marguerite Yourcenar, tr. La KromKancerKliniko, 19 (okt. – dec. 2004), p. 11*

La akvo fine atingis la nivelon de la imperiestra koro. **La silento estis tiel profunda, ke falanta larmo estus aŭdebla**.
*Marguerite Yourcenar, tr. La KromKancerKliniko, 19 (okt. – dec. 2004), p. 13*

La kapitalisma sistemo rapide disvastiĝis en okcidenta Eŭropo sekvigante kulturajn ŝanĝojn baldaŭ **ostiĝintajn en civilizacion**.
*Eŭgene de Zilah, or. La Gazeto, 124 (apr. 2006), p. 27*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## ESTU DIRAĴOJ NACIAJ

Estas ne kutime por mi respondi al respondoj, sed en la artikolo "Responde al A.Ŝevĉenko" de Anatolo Gonĉarov (en REGo № 4 (53), aŭgusto 2009) estas konkreta demando turnita al mi: "... mi ne trovis la promesitan de AŜ oponon al mia tezo ke la lingvo Esperanto riĉiĝas ĉefe el du fontoj: la naciaj gramatikoj kaj naciaj pensmanieroj. Ĉu sekve Esperanto ne riĉiĝas, aŭ faras tion el aliaj fontoj, el kiuj?" Ĉar la problemo gravas, mi respondu.

La tezon pri influo de naciaj kulturoj kaj lingvoj al Esperanto mi neniel povas refuti. Ĝuste pro tio, ke ĝi ne estas tezo, sed memevidenta aksiomo. Ĉiuj lingvoj, de la plej etaj ĝis grandegaj, kaj Esperanto ne estas escepto, ensorbas alilingvajn elementojn. Kontraŭi tiun evidentan fakton estas kiel ignori aksiomon, ke la tuto verkita en ajna lingvo originas el homo. Esperanto, same kiel aliaj lingvoj, eĉ pli aktive, riĉiĝas de naciaj kulturoj. Sed multaj ekzemploj, proponitaj de Anatolo Gonĉarov, montras tute alian tendencon, kiu havas nenian rilaton al naciaj pensmanieroj aŭ gramatikoj. (Kial, cetere, gramatikoj? Ja temas pri leksiko, frazeologio, frazfarado kaj semantiko.)

En mia antaŭa artikolo mi ne hazarde konstruis evidentan ĉenon el: "fajfis je" de C.Rossetti (strange estas, ke Anatolo provas en la respondo elimini ĝuste de li mem proponitan grasigitan **je** el la ekzemplo), "fajfas pri" de M.Bronŝtejn kaj "papilias" de S.Rublov. Ni nur iom streĉu la cerbon pri "papilias". Ĉu la rusa lingvo inspiris la aŭtoron al tiu brila metaforo? Ĉu la angla? Tute ne. Simile al aliaj aŭtoroj, S.Rublov ĉerpas inspiron el la gramatiko kaj pensmaniero (kaj ankaŭ el frazaro, ŝablonoj, metaforoj ktp) de... Esperanto! Do "la fonto de riĉiĝo" de Esperanto-literaturo estas la Esperanto-literaturo mem, kion klare montras oftaj ekzemploj, uzataj de A.Gonĉarov.

Ankaŭ "fajfi je" kaj "fajfi pri" neniel metiĝas en la proponitan de Anatolo skemon de "nacia influo". Sekve aperas ĉe la aŭtoro de "Responde al..." stranga aserto pri "tuteŭropeco". Mi nenion aŭdis pri tuteŭropa literaturo aŭ lingvo. Mi scias pri literaturoj hungara, pola, franca, germana, hispana, kataluna, flandra, norvega kaj multaj aliaj, malfacile kalkuleblaj. Eble temas pri "tuteŭropecaj" eldonaĵoj en la angla? Aŭ temas tamen pri Esperanto? Sed Esperanto estas internacia lingvo. Ĉu ne estas pli logike agnoski evidentan tezon pri natura evoluo de Esperanto-literaturo? Ĉu ne estas pli logike agnoski, ke la plej talentaj Esperanto-verkistoj verkas kaj eĉ pensas en Esperanto?

Mia mencio pri la verka talento de M.Boulton (esploru tion, certe, anglalingva esperantisto) havas nenian rilaton al verka procedo de alia anglalingva esperantistino Anna Löwenstein, kiun citas A.Gonĉarov: "***mia ekirpunkto kompreneble estis la angla lingvo***" (grasigita kursivo de AG). Mi konas Esperanto-verkistojn, kiuj verkas tekstojn en la rusa, kaj nur poste tradukas ilin al Esperanto, sed mi feliĉe konas ankaŭ verkistojn, kiuj verkas senpere en Esperanto kaj pensas en ĝi. Kaj siajn esprimojn kaj pensojn ili "uzurpas" el aliaj Esperantaj fontoj sen influo de ajna nacia pensmaniero. Foje tiu akaparo okazas subkonscie, foje verkisto uzas la proponitan de alia aŭtoro metaforon konscie. Mi renkontas tion en E-tekstoj ĉiupaŝe. Heredecon en Esperanto-literaturo, kiu indikas ĝian naturan evoluon, notas

multaj esperantistoj. Jen estas nur unu el la lastaj opinioj: “Sendube, pluraj el niaj ‘nunaj’ verkistoj ŝuldas al li [I.Nemere] tributon. Eĉ se ne rektan influon, almenaŭ iun verkinstigon. Mi pensas pri Bays, Elgo, Gates, Johansson, Picasso; eble eĉ Seabra, Steele, Ŝtimec...” (El recenzo de Christian Declerck “Vismar, Jesa, István...” En: Beletra Almanako (BA) № 5, Mondial, 2009; p. 165).

Mia percepto de E-literaturo ne estas flegma. Simple, krom Esperanta, mi ŝatas ankaŭ aliajn literaturojn. Eble ĝuste tio helpas al mi ĝui Esperanto-beletron kaj fari iujn skizajn komparojn? Mi ĝuas ankaŭ la rusan literaturon, sed ne “trafosas kolosan kvanton da ruslibroj por eble trovi ion similan”, laŭ sperto de A.Gonĉarov. Oponante al la tezoj publikigataj en “Naciaj diraĵoj E-veste” (nun jam estas diraĵoj), mi strebas nur aludi ke, se oni proponas iun tezon, do oni pruvu ĝin respondece, ne altirante al ĝi ekzemplojn tute kontraŭajn. Ni “dividu muŝojn de kotletoj” – tiun frazeologiaĵon mi “ŝtelis” de M.Bronŝtejn en la antaŭa numero de REGo, senpere el la lingvo Esperanto, sen uzo de nacia pensmaniero.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

---

Foje la fama greka filozofo Sokrato renkontis konaton, kaj tiu diris al li:

– Sokrato, ĉu vi scias, kion mi ĵus aŭdis pri unu el viaj disĉiploj?

– Atendu, antaŭ ol vi rakontos al mi tion, mi ŝatus fari malgrandan ekzamenon, kiu nomiĝas “Kontrolo per triobla filtro”.

– Triobla filtro?

– Jes, – daŭrigis Sokrato. – Antaŭ ol vi rakontos al mi ion pri mia disĉiplo, estus bone, ke vi pripensu dum minuto kaj filtru tion, kion vi intencas al mi rakonti. La unua filtro estas pri Vereco. Ĉu vi estas tutcerta, ke tio, kion vi intencas rakonti al mi, estas senduba vero?

– Ne, Sokrato, mi aŭdis pri tio de iu konato kaj decidis...

– Do, – diris Sokrato, – vi ne scias, ĉu tio estas vero aŭ ne. Tiam ni apliku la duan filtron – pri Boneco. Ĉu tio, kion vi intencas diri al mi pri mia disĉiplo, estas io bona?

– Ne, tute male...

– Do, – diris Sokrato, – vi intencas diri al mi ion malbonan pri li, sed vi ne certas, ĉu tio estas vero. Tamen vi povos komuniki al mi tiun informon, se ĝin tralasos la tria filtro – pri Utileco. Ĉu tio, kion vi intencas rakonti, iel utilos al mi?

– Plej verŝajne, ne...

– Sekve, – resumis Sokrato, – se vi intencas rakonti al mi ion negativan, neveran kaj senutilan pri mia disĉiplo, do kial ĝenerale vi rakontu pri tio?

– Jes, Sokrato, vi kiel ĉiam absolute pravas.

... Tiel la granda filozofo Sokrato, multe estimata pro sia saĝo, restis senscia pri tio, ke lia disĉiplo Platono dormis kun lia edzino Ksantipa.

Bulteno de REU

# REK-26

*Rusia Esperantista Kongreso (Sankt-Peterburgo)*

**2010-05-27/31**

## La Unua informilo

Antaŭ 100 jaroj (en 1910) en Sankt-Peterburgo okazis unua Rusia Esperantista Kongreso, en kiu partoprenis la kreinto de la lingvo Esperanto Ludoviko Zamenhof. Rusiaj esperantistoj celebros la jubileon per tradicia tutlanda kongreso en la dua rusia ĉefurbo kaj invitas gastojn el la tuta mondo.

Venu ĝui la belegan urbon, ĝiajn muzeojn, teatrojn, katedralojn; promeni piede en parkoj kaj ŝipe sur kanaloj kaj la rivero Neva; venu ekkoni rusan kulturon kaj trovi amikojn inter rusiaj esperantistoj!

La kongresejo troviĝas tre oportune – en centra parto de la urbo, nur dek minutojn piede de la stacidomo "Finljandskij" (Finnlanda) kaj metrostacio "Ploŝĉjadj Lenina" (Lenin-placo). Tute proksime estas bordo de la rivero Neva. Adreso de la kongresejo – Kulturpalaco "Viborgskij" (ruse: Выборгский Дворец Культуры), str. Komissara Smirnova 15. En dispono de la Kongreso estos bonaj teatra-koncertaj haloj kun necesa ekipaĵo, konferenca aŭditorio, klasĉambroj. En vastaj vestibloj estas bufedejoj, kie eblos iom trinketi kaj manĝeti dum paŭzoj. En la kulturpalaco estas ankaŭ restoracio kaj malgranda hoteleto.

La programo de la Kongreso estos varia kaj multflanka. Enkadre de la Kongreso okazos la vica Konferenco de REU, kunveno de REJM, prelegoj pri historio de Esperanto-movado en Rusio, pri interlingvistiko, pri lingvaj festivaloj. Ni atendas kontribuojn por la programo ankaŭ de vi! La kongresanoj spektos teatraĵojn en Esperanto kaj kelkajn koncertojn. Estos abunda turisma programo, kiun ornamos "blankaj noktoj" kaj Urba Festo okazonta en samaj datoj en Sankt-Peterburgo!



Por la kongresanoj estas rezervitaj loĝlokoj en diversnivelaj hoteloj, situantaj ĉefe en centra parto de Sankt-Peterburgo. La mendilo por la hoteloj kaj por ekskursa programo estos sendita al la kongresanoj kun la Dua informilo en decembro.

Kontaktoj de la Organiza Komitato:
Ĝenerala retpoŝta adreso – <**kongreso@reu.ru**>;
Pri aliĝoj, kotizoj, loĝado, invitleteroj k.t.p. – <**rek-financoj@reu.ru**>;
Prezidanto de la Organiza Komitato, turisma programo – Anna Butkeviĉ <**annaespero@mail.ru**>;
Pri arta programo – Mikaelo Bronŝtejn <**mamuto@rambler.ru**>;
Pri movada programo – Vjaĉeslav Ivanov <**amikeco@gmail.com**>;
Pri rilatoj kun gazetaro kaj urbaj instancoj – Valentin Seguru <**seguru@reu.ru**>;
Pri kleriga programo – Anatolo Sidorov <**anasido@gmail.com**>.

## Kotiztabelo de REK

| | Ĝis 31.12.09 | 01.01-31.03.2010 | Post 31.03.2010 |
|---|---|---|---|
| Loĝantoj en Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ, membroj de REU (rubloj) | 800 | 1000 | 1200 |
| Loĝantoj en Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ, nemembroj de REU (rubloj) | 1000 | 1200 | 1500 |
| Loĝantoj en landoj de kategorio B*, membroj de REU (eŭroj) | 25 | 40 | 55 |
| Loĝantoj en landoj de kategorio B*, nemembroj de REU (eŭroj) | 40 | 55 | 70 |
| Loĝantoj en landoj de kategorio A*, membroj de REU (eŭroj) | 50 | 65 | 80 |
| Loĝantoj en landoj de kategorio A*, nemembroj de REU (eŭroj) | 65 | 80 | 95 |

*La kotizoj varias laŭ loĝlandoj, kiuj grupiĝas jene:

A-landoj: ĉiuj landoj escepte de B-landoj;

B-landoj: iamaj socialismaj landoj de Eŭropo (krom Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ); ĉiuj landoj de Azio (escepte de Rusio, KSŜ-landoj, Israelo, Japanio kaj Korea Respubliko) kaj Afriko.

Junuloj naskiĝintaj post 31.12.1980, handikapuloj kaj familianoj ricevas rabaton – 50%. Infanoj ĝis 16-jaraĝaj aliĝas senpage.

La aliĝkotizo estas pagenda al kasisto de REU laŭ sekvaj pagmanieroj:

- Per eŭroj – al uea-konto “reua-p”. Kotizante al UEA nepre sendu kopion

de ĝirpeto al <rek-financoj@reu.ru>.

- Per eŭroj ĝirante al kontoj en Raiffeisen-bank, en UniCredit-bank (detalojn petu ĉe <rek-financoj@reu.ru>.
- Per rubloj – uzu ordinarajn pagmanierojn, listigitajn ĉe <http://reu.ru/index.php?parto=membreco&pagmanieroj=jes&lng=eo>.

Pri ĉiuj demandoj koncerne de aliĝo kaj kotizado skribu al <rek-financoj@reu.ru>.

**La kotizo ne estas repagebla**

La aliĝilon plenigu ĉe <http://www.reu.ru/index.php?alighilo=REK-26>.

## PREPARADO DE REK-26

Aŭguste Mikaelo Ĉertilov kaj septembre Valentin Seguru dufoje vizitis Sankt-Peterburgon, kie ili kun Anna Butkeviĉ, gvidanto de la loka kongresa organiza teamo, trarigardis la variantojn de la ebla kongresejo en kelkaj lokoj. Ĉar Kulturdomo (DK) "Viborgskij" havas pli da malgrandaj salonoj-aŭditorioj kaj oportune situas en la urbocentro, estis elektita ĝuste ĝi.

DK "Viborgskij" havas 4 auditoriojn kun blankaj tabuloj, je kvanto de 26, 34, 50 kaj 70 (la lasta, plej granda estas sen skribotabloj) lokoj kaj krome plurajn aldonsalonojn, tiel nomatajn vestibletojn (фойе), kie eblas kunveni, sed pago por ili ne estas postulata. Ĝuste en la lastaj troviĝas bufedoj kun relative nemultekosta teo/kafo, sandviĉoj ktp. La aŭditorioj, evidente, estas pagataj.

Ĝenerala ideo estas uzi la grandan halon nur dum solena inaŭguro, ĉar ĝi vere grandas: sube estas 1200 lokoj kaj supre en la balkono – ankoraŭ 670. La malgranda halo enhavas nur 400 lokojn, kio tute sufiĉas en aliaj kazoj, ĉar la partoprenantaro ne superos ĉi tiun kvanton. Tial la malgranda halo estos uzata post vespermanĝo en la unua (alvena), dua kaj kvara tagoj – do entute bezonatas plani 3 koncertojn inkluzive en la unua interkona vespero. En la tria tago vespere estas planata partopreno en la Urbotaga surstrata festo. Krome, eblas tage koncerti en la 70-persona aŭditorio.

Grandaj ekskursoj tra la urbo, al Petropavlovka, Ermitaĝo, Peterhofo (do entute kvar) estas planataj inter matenmanĝo kaj tagmanĝo. Sed, krome eblas aranĝi malpli vastajn ekskursojn posttagmeze por tiuj, kiuj ne volas kunsidi.

Inter tagmanĝo kaj vespermanĝo dum tri mezaj labor-tagoj estas planataj paralelaj kunvenoj en tiuj 4 aŭditorioj. Do, ekzemple, se ĉiu aparta kunsido daŭru 1,5 horojn, ni povas havi 24 diverstemajn kunsidojn.

Por helpi plenigi la programon mi alvokas ĉiujn dezirantojn koncerti kaj prelegi anonciĝi kiel eble plej rapide, ĉar bezonatas fini la mendon de la salonoj.

La komencantoj nepre havu siajn komencantajn kursojn.

Nun pri la rilatoj kun la urba adminitracio. Mi kaj Anna Butkeviĉ estis akceptitaj, evidente laŭ komisio de la urbestro V.I.Matvijenko, de respondeca fakestro, kiu atente aŭskultis nin kaj forte promesis amaskomunikilan apogon. Do, estos gazetarkonferencoj, al kiuj bezonatas prepariĝi.

***Valentin Seguru (Moskvo)***

№ 08/5 — Губернатору Санкт-Петербурга
24.08.2009 — **В.И.Матвиенко**

191060, Санкт-Петербург, Смольный
Эл. почта: adm@gov.spb.ru, gov@gov.spb.ru

Глубокоуважаемая Валентина Ивановна!

В мае l910 года в Санкт-Петербурге под высочайшим покровительством императорской семьи и городских властей состоялся Первый конгресс эсперантистов России. Заседания конгресса проходили в здании Государственной Думы и в Соляном Городке; в них принял участие создатель международного языка эсперанто, великий гуманист и наш соотечественник Л.М.Заменгоф.

В ознаменование столетия Первого конгресса по инициативе петербургских организаций, в частности старейшего в мире Санкт-Петербургского общества «Эсперо», Российский союз эсперантистов предполагает провести в Санкт-Петербурге 27-31 мая 2010 года юбилейный Российский эсперанто-конгресс[1]. В Оргкомитет Конгресса вошли представители Правления Российского союза эсперантистов и эсперанто-организаций Санкт-Петербурга.

В рамках очередного 26-го Российского эсперанто-конгресса предполагается обсудить значение языка эсперанто для ознакомления мировой общественности с достижениями российской культуры, развитие использования эсперанто в международных связях, прогрессивные методики преподавания языка. Планируются также выступления мастеров искусств на языке эсперанто, лекции и экскурсии, посвященные Санкт-Петербургу.

Идея проведения конгресса эсперантистов России в Санкт-Петербурге была озвучена в июле с.г. на Всемирном конгрессе эсперанто, проходившем на родине Заменгофа, в г. Белостоке в честь 150-летия создателя международного языка. Около 2000 участников Всемирного конгресса из 63 стран с большим интересом восприняли приглашение российских коллег. Многие зарубежные эсперантисты изъявили желание принять участие в работе Российского эсперанто-конгресса, открыть для себя замечательный город в дни конгресса. Это мероприятие может стать настоящим праздником интернациональной эсперанто-культуры, в которую российские эсперантисты внесли значительный вклад.

Просим Вас оказать честь российским эсперантистам – стать Высоким покровителем Конгресса. Просим также, в удобное для Вас время, принять представителей Оргкомитета, которые готовы кратко представить Вам программу и наиболее важные организационные вопросы.

---

[1] Bedaŭrinde en la letero pro malatento estas uzita neadekvata ruslingva nomo de la aranĝo. Laŭ la rekomendo de REK en Ĉeboksari (2000) estas uzenda la nomo «Российский конгресс эсперантистов». (La red.)

Президент Российского союза эсперантистов:

Чертилов Михаил Константинович
Сегуру Валентин Ионович – вице-президент
Буткевич Анна Петровна – председатель Оргкомитета,
руководитель Санкт-Петербургского общества «Эсперо»,
победитель конкурса Министерства образования и науки РФ

---

ПРАВИТЕЛЬСТВО САНКТ-ПЕТЕРБУРГА
КОМИТЕТ ПО МОЛОДЕЖНОЙ ПОЛИТИКЕ И ВЗАИМОДЕЙСТВИЮ С ОБЩЕСТВЕННЫМИ ОРГАНИЗАЦИЯМИ

29.09.2009
№ 009-35/1882

Президенту Российского союза эсперантистов
М.К.Чертилову

Уважаемый Михаил Константинович!

В Комитете по молодежной политике и взаимодействию с общественными организациями (далее – Комитет) рассмотрено Ваше обращение в адрес Губернатора Санкт-Петербурга В.И.Матвиенко по вопросу оказания поддержки в проведении в Санкт-Петербурге 27-31 мая 2010 года Юбилейного Российского эсперанто-конгресса. Но существу вопроса сообщаем следующее.

Комитет поддерживает идею проведения мероприятий, направленных на интеркультурное и межнациональное сотрудничество между представителями разных стран. В связи с этим, Комитет готов оказать информационную и организационную поддержку в проведении Юбилейного Российского эсперанто-конгресса. Договоренность о взаимодействии по данному вопросу была достигнута во время встречи с представителями Российского союза эсперантистов А.П.Буткевич и В.И.Сегуру, которая прошла 23 сентября 2009 года в Комитете.

Председатель Комитета С.Ю.Гришин

---

## PLI DA SERVOJ POR SAMA PREZO ĈE UEA

Ekde 2010 la oficiala organo de UEA, la revuo *Esperanto,* estos legebla rete kontraŭ malpli alta pago. Jam ekde 2004 la Membroj-Abonantoj, Dumvivaj Membroj kaj Honoraj Membroj povas legi ĝin rete samtage, kiam la redaktoro transdonas ĝin al la presejo, sed ekde 2010 sufiĉos pagi la kotizon de Membro kun Jarlibro, t.e. 24 eŭrojn, aŭ, en t.n. B-landoj – 12, por ĝui tiun eblecon. La kotizo de Membro-Abonanto kostas respektive 60 kaj 30 eŭrojn.

La MJ-membroj ricevos ankaŭ la Jarlibron, sed antaŭ ĝia apero la Centra Oficejo sendos al ili mesaĝon kun la peto, ke tiuj, kiuj ne bezonas paperan Jarlibron, sciigu tion al la CO. Ili ja povas ĉiukaze konsulti la informojn pri delegitoj kaj la ceteran enhavon de la Jarlibro ankaŭ rete.

Ankaŭ la plej malmultekosta membrokategorio de UEA, Membro kun Gvidlibro, ricevos novan servon en 2010, retan novaĵbultenon, kiu aperos ĉiumonate. La

MG-kotizo kostas 10 eŭrojn por A-landoj kaj 5 – por B-landoj.

Jam de longe la individuaj membroj rajtas 2-foje jare mendi librojn kaj aliajn varojn ĉe la Libroservo de UEA kun rabato de 10%. Ekde nun la Membroj-Abonantoj, Dumvivaj Membroj kaj Honoraj Membroj ricevas la rabaton ĉiufoje, kiam ili mendas. La limo de 2 mendoj restas nur por la kategorioj MJ kaj MG. Ĉar la MJ-membroj povos legi la revuon rete, ili havos aliron ankaŭ al la rubriko *Laste aperis*. Ankaŭ la Membroj kun Gvidlibro ricevos ĝin kiel parton de sia monata novaĵbulteno. Informojn pri novaj varoj en la Libroservo povas senpage ricevi ĉiu ajn, ankaŭ ne-membro, abonante ilin ĉe <katalogo.uea.org/index.php>. Senpagaj por ĉiuj estas ankaŭ la Gazetaraj Komunikoj de UEA per abono ĉe <www.uea.org/dokumentoj/komunikoj/index.html>.

La kotizoj de UEA por la jaro 2010 troviĝas ĉe <www.uea.org/alighoj/alighkotizoj2010.html> kaj reta aliĝilo – ĉe <db.uea.org/alighoj/alighilo.php>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## KORESPONDADO INTER REU KAJ PREZIDENTO MEDVEDEV[1]

Karaj amikoj, jen estas specimeno de “fruktodona” korespondado inter esperantistoj kaj ŝtatestro...

Malgranda komento: la “ekspertoj de la Akademio de la sciencoj” estis prof. M.Isaev, al kiu helpis skribi la leteron V.Samodaj. Laŭ ilia aserto, la “eksperta letero” al la prezidenta administrejo havis tute alian enhavon, ol ŝajnigas la oficialulo...

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

---

№ P-1-2009
«04» мая 2009 г.

Президенту РФ Д.А.МЕДВЕДЕВУ
МОСКВА, Кремль

Глубокоуважаемый господин президент!

В свете разрабатываемой сейчас концепции национальной безопасности России обращаемся с вопросами, имеющими, с нашей точки зрения, приоритетное значение в сфере защиты национальных интересов России в сфере международной коммуникации, культуры и языка.

Использование “глобального английского” достигло такого угрожающего уровня, когда опасности подвергается само существование национальных культур и языков – сегодня малых, а завтра и крупных народов.

Генеральная Ассамблея ЮНЕСКО дважды принимала резолюции в поддержку международного планового языка эсперанто. (И, кстати, ни одного раза в поддержку английского или любого другого этнического языка). И нам не понятно, как долго российские власти будут замалчивать реальное с XIX века развитие в мире эсперанто – языка политически нейтрального, простого и благозвучного, который любили Лев Николаевич ТОЛСТОЙ, Максим ГОРЬКИЙ, а также другие знаменитые деятели культуры и науки? В этом

---

[1] En la leteroj estis konservitaj la ortografio kaj interpunkcio de la originaloj. *(La red.)*

контексте из наших современников уместно указать на лауреата Нобелевской премии 90-х годов немца Райнхарда ЗЕЛТЕНА или на покойного Папу Римского Иоанна Павла Второго.

Повсеместное, по сути, навязывание английского языка ставит неанглоязычные нации в заведомо неравноправные с ними отношения. Никогда человек, у которого английский не является родным, не сможет конкурировать на равных с носителем этого языка, как, впрочем, и любого другого этнического языка. Это затрагивает одно из базовых прав отдельно взятого человека – право на равноправный язык международного общения. Это затрагивает и права наций, т.к. английский язык становится угрозой культурной идентичности, а, следовательно, и национальной безопасности неанглоязычных стран, включая и Россию.

04.07.2006 и 04.12.2008 (http://www.moskva-putinu.ru) В.И.СЕГУРУ-ЗАЙЦЕВ обращался к В.В.ПУТИНУ с подобным вопросом, но, увы, ответа не получил. Просим на этот раз обратить серьёзное внимание к вопросам языкового неравенства в мире, от чего страдает и наша страна, даже будучи великой державой.

В России, к сожалению, самым эффективным агентом влияния английского языка стал не Британский совет или его менее известные американские собратья, а наше родное Министерство образования и науки РФ, которое запретило преподавание эсперанто в вузах, используя как обычное организационно-юридическое крючкотворство, так и “таран” руководителя профильного при Министерстве учебно-методического объединения (УМО) по образованию в области лингвистики профессора И.И.ХАЛЕЕВОЙ, известного лоббиста английского языка. Приводимый нами в дискуссии с Министерством пример маленькой Венгрии, где студенты имеют реальное право выбора изучаемого иностранного языка, вследствие чего рейтинг эсперанто стал третьим после английского и немецкого, для наших англо-лоббистов от образования совершенно неубедителен. Поэтому отечественные студенты поставлены в условия отсутствия реального выбора языка. Для них иностранный язык – это равно английский язык!

Прискорбный пример авторитаризма на практике даёт молодому поколению Минобразование России!

Считаем, что:

1. Проработка этих вопросов должна найти отражение и в разрабатываемой сейчас новой Стратегии национальной безопасности России.

2. Кроме того, прошу распорядиться о выработке, официально утверждённого в Минобразовании и широко распространённого в вузах и вне их стен, списка иностранных языков, которые студенты имеют право изучать. И постепенно надо добиваться, как и в Европейском Союзе – изучать не один, а два языка. И в этом списке плановый эсперанто должен занять равноправное место вместе с этническими языками. Нынешняя ситуация, когда даже студенты-филологи в нашей стране владеют, обычно, даже не двумя, а всего полутора языками – в условиях глобализирующегося современного мира далее нетерпима.

Предлагаем:

3. Созвать с участием представителей и специалистов Совета безопасности РФ и Российского союза эсперантистов совещание (семинар, круглый стол) для выработки конкретных рекомендаций и практических решений по указанным проблемам.

С уважением,

Российский союз эсперантистов:

вице-президент Н.Л.ГУДСКОВ, биолог – к.н.

член Правления В.И.СЕГУРУ-ЗАЙЦЕВ, политолог

---

АДМИНИСТРАЦИЯ ПРЕЗИДЕНТА РОССИЙСКОЙ ФЕДЕРАЦИИ
АППАРАТ СОВЕТА БЕЗОПАСНОСТИ РОССИЙСКОЙ ФЕДЕРАЦИИ

15 сентября 2009 г. Н.Л.ГУДСКОВУ, В.И.СЕГУРУ-ЗАЙЦЕВУ

№ А21-3178 Российский союз эсперантистов

Уважаемые Николай Львович и Валентин Ионович!

Ваше обращение в адрес Президента Российской Федерации в аппарате Совета Безопасности Российской Федерации по поручению рассмотрено.

Высказанная Вами озабоченность тем, что широкое распространение английского языка делает его «угрозой культурной идентичности, а, следовательно, и национальной безопасности неанглоязычных стран, включая Россию», понятна, хотя, несомненно, преувеличена. Если обратиться к зарубежному опыту, то в июле 2008 г. мэр Нью-Йорка М.Блумберг придал русскому языку, наряду с несколькими другими, статус языка для делового общения в этом городе, а в сентябре 2009 г. губернатор штата Нью-Йорк Д.Патерсон подписал закон об использовании русского языка при проведении выборов любого уровня. Как представляется, необходимо параллельное развитие национальных культур, включая национальные языки.

Именно на сохранение и развитие самобытных культур многонационального российского народа ориентирует Стратегия национальной безопасности Российской Федерации до 2020 года, утвержденная Указом Президента Российской Федерации от 12 мая 2009 г. № 537, которая предусматривает необходимость противодействия угрозам национальной безопасности в сфере культуры (пп.82-83). Более того, культура признана одним из приоритетов устойчивого развития нашей страны.

Что касается эсперанто, то, согласно заключению научной экспертизы, проведенной по запросу аппарата Совета Безопасности Российской Федерации специалистами Российской академии наук, отказ от использования национального языка в международных отношениях в пользу этого искусственного языка может быть интерпретирован как добровольный отказ от одного из признаков национального суверенитета.

Кроме того, по мнению экспертов Российской академии наук, обязательное обучение языку эсперанто нельзя считать целесообразным, поскольку:

степень его распространения довольно низка;

его роль как средства межкультурного общения незначительна (между тем в последнее время в решении национально-языковых вопросов именно этот аспект, а также необходимость пропагандировать русский язык как средство международного общения приобретает для Российской Федерации первостепенное значение);

введение еще одного учебного предмета в вузовские и без того перегруженные программы может вызвать негативную реакцию со стороны преподавателей и обучаемых.

Вместе с тем, отмеченное не исключает возможность факультативного изучения эсперанто в средней и в высшей школе. Заслуживает позитивного отношения и движение эсперантистов, которое требует научного исследования как своеобразный социокультурный феномен.

С уважением,

Референт аппарата И.Беляев

---

## NOVA ELPAŜO DE UEA ĈE UN PRI LINGVAJ RAJTOJ

Universala Esperanto-Asocio elpaŝis denove en kunsido de la Homrajta Konsilio de Unuiĝintaj Nacioj en Ĝenevo. Jen la teksto de la originale franclingva interveno de la UEA-reprezentanto Mireille Grosejan:

*Sinjoro Prezidanto, Gesinjoroj,*

*Mi reprezentas Universalan Esperanto-Asocion, la asocion de la internacia lingvo neŭtrala kaj demokratia, uzata en pli ol 100 landoj. Esperanto ebligas egalrajtajn kontaktojn inter kulturoj kaj protektas la lingvojn de minoritataj popoloj. Pro tio, kaj konforme al art. 19 de la Deklaro kaj Agadprogramo de Vieno, kiu antaŭvidas la instruadon por ĉiuj en la loka lingvo, ni defendas la lingvajn rajtojn kaj deziras konigi al vi jenajn faktojn:*

*En la ŝtato Mizoramo, Barato, la minoritata etnogrupo de ĉakmaoj suferas lingvan diskriminacion. La infanoj devas lerni per la mizoa lingvo, aŭ per la angla, kiujn ili lernis neniam antaŭe. Ili neniam povos kandidatiĝi por registaraj postenoj, ĉe kiuj la scipovo de la mizoa lingvo estas deviga. Tamen, la art. 16 de la Barata konstitucio tekstas: 'Devas esti ŝanca egaleco de kandidatoj por registaraj postenoj'. Ni rekomendas enkonduki por la infanoj de tiu lingva minoritato la plurlingvan edukadon (inkluzive la lingvojn ĉakmaan kaj mizoan) surbaze de ĉefa uzo de la gepatra lingvo.*

*En Slovakio, nova leĝo estas promulgita, kiu antaŭvidas monpunon pro uzo de fremda lingvo. Ni komprenas la intencon de la leĝdonanto, kiu volas protekti kontraŭ tre forta entrudiĝo de la angla en la ĉiutaga uzado de la nacia lingvo. Tia leĝo, kiu estas laŭdinda rilate al protektado de la nacia lingvo slovaka, povus esti misinterpretata rilate al la malplimultaj lingvoj.*

*Ni gratulas la registaron de Malajzio, kiu re-enkondukos la instruadon de sciencaj studobjektoj en la malaja lingvo, anstataŭ en la angla, same kiel la registaron de Bolivio, kie la lingvoj ajmara, keĉua kaj gvarania kune kun la tradiciaj konoj estas instruataj en universitatoj.*

*Mi dankas vin pro via atento.*

La alparolo de UEA estas videbla en n-ro 5 de la reta ĵurnalo *UEAviva*, <www.youtube.com/watch>. Pli da filmaj raportoj kaj intervjuoj pri la aktivado de UEA ĉe UN en Ĝenevo estas videblaj en <www.youtube.com/EsperantoTv>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## JARLIBRO DE REU APERIS

Aperis vica Jarlibro de Rusia Esperantista Unio. Ĝi fakte estas dujarlibro, ĉar enhavas informojn por du sinsekvaj jaroj – 2008 kaj 2009. La 60-paĝa amplekso enhavas ne nur membroliston kaj dokumentojn, aperintajn dum la periodo, sed ankaŭ la kontaktan adresaron kun fotoj de aktivuloj. Sur la kolora kovrilo estas portreto de L.Zamenhof, kies 150-jariĝon ni festas ĉi-jare, kaj dorsflanke – fotoj de du memorindaj lokoj en Moskvo, ligitaj kun li. La Jarlibro estas dissendita al ĉiuj individuaj membroj kaj aliĝintaj kolektivoj de REU.

***Jurij Karcev (Uljanovsk)***

## SES ESPERANTISTOJ EN LA ĜENERALA UNESKO-KONFERENCO

La 6-an de oktobro okazis en Parizo la inaŭguro de la 35-a Ĝenerala Konferenco de Unesko, kiu daŭros ĝis la 23-a de oktobro. Tiu ĉi supera organo de la organizaĵo kunvenas ĉiun duan jaron kunigante reprezentantojn de la 193 ŝtatoj-membroj por difini la politikon kaj agadprogramojn de Unesko. La plej interesa decido de la nuna konferenco sendube estos la elekto de nova ĝenerala direktoro por anstataŭi la japanan diplomaton Koïchiro Matsuura, kiu okupas la postenon ekde 1999. Antaŭvideble Unesko estos unuafoje gvidata de virino, ĉar kiel la solan kandidaton ĝia plenumkomitato proponas ambasadorinon Irina Bokova el Bulgario. La formala elekto okazos la 15-an de oktobro.

Ses personoj reprezentas la mondan esperantistaron en la konferenco. Pro siaj oficialaj rilatoj kun Unesko, Universala Esperanto-Asocio estas aŭtomate rajtigita partopreni la Ĝeneralan Konferencon kiel observanto. Nome de UEA ĉeestas Renée Triolle, Barbara Despiney kaj Estelle Loiseau. Unesko invitis ankaŭ Internacian Ligon de Esperantistaj Instruistoj, kun kiu ĝi daŭrigas rilatojn sur neformala bazo. Kiel siajn reprezentantojn ILEI delegis Monique Arnaud, Jean-Pierre Boulet kaj François Lo Jacomo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVAJ REU-MEMBROJ POR 2009

### INDIVIDUAJ MEMBROJ

*Derjugin Aleksandr (Saratov), Kolesnikova Julija (Pavlodar, Kazaĥio), Urbanskij Stanislav (Stavropolj)*

### ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ

**Moskva E-klubo "EK-MASI"** (+2 membroj): *Ĉerniŝova Oljga, Prilepskaja Ksenija*

Plena aktuala listo de la membroj troveblas en la ttt-ejo de REU laŭ la adreso <http://reu.ru/index.php?dok=membrolisto>.

## KOTIZOJ DE REU/REJM POR 2010

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj.*

**Individua kotizo** – 180 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 18 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron/Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM.

**Dumviva kotizo** – 4500 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 450 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 60 rub. (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM). La familiajn kotizojn rajtas pagi samadresaj parencoj de individuaj aŭ dumvivaj membroj.

**Subtenkotizoj** (ĉio la sama kiel por la individua kotizo): *REU-subtenanto* – duobla individua kotizo; *REJM-patrono* – duobla individua kotizo.

**Kolektiva membrokotizo** – 60 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por kluboj kun 5-15 aligitaj membroj kaj por ĉiu aldona deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 300 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 300 rub. (ekster Rusio – 18 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*Membroj de REU iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilojn, rublajn kotizojn kaj rabatitajn abonpagojn por REGo sendu (poŝtmandate) al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область**; aŭ uzu aliajn pagmanierojn listigitajn ĉe <http://reu.ru>. La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.

# Eksciu, ke...

## DU KONGRESOJ DE KOLEKTANTOJ INTERSALUTIS

La 2-an – 4-an de oktobro 2009 en Uljanovsk okazis la 3-a Kongreso de kolektantoj de KSŜ-landoj. Tiu aranĝo povus ne havi iun rilaton al Esperanto, se ne kunlaboro kun kongreso de esperantistoj-kolektantoj, kiu pasis pro trafa koincido dum la samaj tagoj en Herzberg-am-Harz (Germanio).



Pli ol 100 kolektantoj, venintaj al Uljanovsk por la kongreso, ricevis surpapere salutmesaĝon de Elda Doerfler, prezidanto de ELF-AREK, la internacia Esperanto Ligo Filatelista kaj Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj. Dum oficiala kunsido vendrede tiu mesaĝo estis anoncita refoje kaj akceptita reciproka salutmesaĝo de Uljanovska kongreso al la Esperantista. En ĝi estis menciitaj bezono de internacia kunlaboro, graveco de komuna lingvo por kongresanoj, historio de uzado de Esperanto por tiuj celoj kaj espero pri establo de firmaj internaciaj ligoj. Sabate dum interŝanĝa foiro funkciis ankaŭ ekspozicieto pri Esperanto, kiun povis vidi ĉiu kongresano.

***Jurij Karcev (Uljanovsk)***

## LA FILMA OFERTO DE UEA PLIVASTIĜIS

La 6-an de oktobro aperis la 5-a numero de la filmĵurnalo *UEAviva* kun tri eroj. Unue Emilio Cid raportas pri la rezultoj de la informkampanjo ĉirkaŭ la 94-a UK en Bjalistoko, al kiu li alvokis laŭ komisio de la Estraro de UEA en la filmĵurnalo en majo. Cid estas sufiĉe kontenta pri la rezultoj kaj instigas plu daŭrigi la agadon ankaŭ nun, kiam tiu UK jam apartenas al pasinteco. En la dua ero, pruntita el la televida servo de UN, oni vidas elpaŝon pri lingvaj rajtoj fare de la UEA-reprezentanto Mireille Grosjean ĉe la Homrajta Konsilio de UN fine de septembro. La fina parto estas dediĉita al TEJO. Oni vidas sinprezenton de la nova Estraro de la junulara sekcico de UEA en la ĵusa ARKONES en Poznano, Pollando.

La reta kinejo de UEA ĉe Ipernity pliriĉiĝis per valoraj historiaj dokumentoj. La filmo *Lingvo festis naskiĝtagon* de Michael Cwik raportas pri la impona UK en la Jubilea Jaro 1987 en Varsovio. Scenojn el la Budapeŝta UK en 1966, i.a. kun fragmento el la festparolado de Ivo Lapenna, montras la filmo *Esperanto-fonto*, kiu unuavice rakontas pri la eventoplena historio de nekutima ZEO apud la hungara ĉe-furbo. La plej lasta el la novaĵoj en la reta kinejo estas samtempe la plej malnova el ili, nome dokumenta filmo pri la 48-a UK en Sofio en 1963. Ĉiuj ĉi trezoraĵoj devenas el la Biblioteko Hodler, kies filmojn UEA iom post iiom ciferecigas por pli facile disponebligi ilin al la movada publiko.

La adreso de la reta filmĵurnalo en YouTube estas <www.youtube.com/user/UEAviva>, kaj tiu de la reta kinejo en Ipernity – <www.ipernity.com/home/07850>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## MIRINDA DOMO

La E-klubo "Verda suno" ekzistis en Dimitrovgrad (Uljanovska regiono) pli ol 20 jarojn, sed en 1995 ĝi ĉesigis sian laboron pro financaj malfacilaĵoj. Nun aperis ebleco por kluba renaskiĝo. La klubanoj kunvenas en unika ejo – universitato por pliaĝuloj, kiu nomiĝas "Sofja". Tio signifas "saĝeco". De decembro 2008 tie ekzistis E-kurso, gvidata de Tatjana Iljutkina. Fine de majo 6 kursaninoj ricevis diplomojn kaj iĝis E-klubaninoj. Ili partoprenis jam diversajn aranĝojn. Ekzemple, Tatjana Iljutkina kaj Lidija Amaziaŝvili ĉeestis en VER-14 (Samara), kelkaj klubanoj donacis al Uljanovska E-klubo siajn fotojn por ekspozicio. "Ni ekardis pri tiu ideo – foti! Kaj ni fotas nun ĉion interesan!" – diras la dimitrovgradanoj.

La 30-an de junio Uljanovska klubo montris sian fotoekspozicion en Dimitrovgrad. Nia fotoekspozicio intertempe kompletiĝis per E-versoj de diversaj poetoj: Julio Baghy, Stefan MacGill, Nikolaj Ĥoĥlov, Raymond Schwartz, Hendrik Adamson, Lajos Tarkony, Georgo Deŝkin, Mikaelo Giŝpling k.a. – ni sukcesis elekti trafajn poetajn frazojn preskaŭ por ĉiu foto.

Kunvenis esperantistinoj (ĉefe novuloj) kaj iliaj amikinoj. Temis ankaŭ pri komuna laboro dum la sekva duonjaro. Aŭtune ni volus aranĝi en Dimitrovgrad man-faradan ekspozicion, ĉar ambaŭ kluboj havas "spertulojn" pri tiu fako, kiuj trikas kaj kroĉtrikas, brodas, perlumadas kaj kudras. Ŝtofpecajn kudraĵojn de Tatjana Iljutkina ni povis ĝui somere en Uljanovska urba muzeo. Dum renkontiĝo en Dimitrovgrada klubo



ŝi montris ankaŭ fotojn, kie estas prezentita ŝia kolekto de vestaĵoj, faritaj el bombonaj kovriloj.

Mirinda mondo! Admirindaj homoj! Ljudmila Sedova instruas arabajn dancojn, kaj nun ni revas pri ŝia majstroklaso en Uljanovsk. La 70-jara Nina Gazizova gimnastikas kun siaj amikinoj. Ljudmila Vasenjova ŝatas foti kaj promesis nepre partopreni nian sekvan fotoekspozicion, dediĉitan al la temo "Urbaj motivoj". Lidija Savanejeva kantas rusajn popolajn kantojn, kaj niaj klubaninoj dividas tiun hobion. Galina Ĥoĥrjakova lernas lingvojn. Cetere, ŝi kaj aliaj klubaninoj povis aĉeti vortarojn, lernolibrojn kaj kalendaretojn, alportitajn al Dimitrovgrad.

Ludante ni lernis kaj ripetis nombrojn. La gaja ludo plezurigis ĉiujn kaj kaŭzis eksplodon de emocioj. Kaj aliaj vizitantoj de la universitato, sidantaj en najbara halo, demandis poste: "Ĉu vi havas diskotekon?"

Bongusta konfitaĵo, kuirita de Galina Ĥoĥrjakova, apetitaj buterpanoj kaj teumado (antaŭ kaj post promenado tra unika universitata ĝardeno) kronis la renkontiĝon. La malgranda ĝardeno estas vere unika: ligna ventmuelejo, plektobarilo kun sunfloroj kaj argilaj kruĉoj kaj potoj, skulptaĵoj de bestoj, kesteto kun trezoroj, zorgeme flegita korto kun florbedoj, balancilo, diversaj sportaj konstruoj... Tiu ĝardeno atestas neelĉerpeblan fantazion de loĝantoj de tiu domo, inkluzive de esperantistoj.

Post tiu ĉi renkonto ni atendas multajn komunajn interesajn projektojn. La dimitrovgradanoj revas nun pri nova E-kurso, kiun partoprenus junularo. Ni opinias, ke komunaj aranĝoj kun Uljanovska klubo, kiu unuigas diversaĝajn homojn, kontribuos al tio.

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## AŬTUNAJ TAGOJ EN PORI

La 19-an – 20-an de septembro 2009 ĉe la okcidenta bordo de Finnlando en malnova urbo Pori la Finnlanda Esperanto-asocio organizis sian tradician aranĝon "Aŭtunaj tagoj". Partoprenis plejparte esperantistoj el Finnlando kaj la najbaraj Baltiaj landoj. El Rusio venis Anna Butkeviĉ el Sankt-Peterburg kaj mi.



*Tuomo Grundstorm*

La renkontiĝo estis dediĉita al la 200-jariĝo de Finnlando. Temas pri la jaro 1809, kiam la "bona" caro Aleksandro la 1-a en interkonsento kun Napoleono prenis Finnlandon de Svedio al Rusio, donante al ĝi vastan aŭtonomion. Tio ebligis grandan evoluon de Finnlando kiel ŝtato, kiu kulminis per la deklaro de sendependiĝo fine de 1917, kiu estis rapide akceptita de la nova revolucia registaro gvidata de V.I.Lenin.

Post leciono kun traduko de fakulino pri la historio de Finnlando ekde 1809 kaj prelego pri civitana organiziĝo dum estiĝo de Finnlando sekvis podia prezento, ne longa, de la historio de la reprezentitaj landoj en la

kunteksto de la Balta maro. Mi estis invitata paroli pri Rusio. Poste min intervjuis ĵurnalisto de iu loka maldekstra gazeto. Intertempe la aliaj podianoj prelegis pri siaj landoj kaj fine estis debatoj pri la malfacilaj paĝoj el ilia komuna historio. Vespere okazis koncerto de popolmuzika ensemblo. Sekvonttage hungara samideano rakontis pri sia vojaĝo al Finnlando en 60-aj jaroj, sekvis aŭkcio kaj urba ekskurso en kvazaŭinfana trajneto.



*Jukka Pietilainen*

Malgraŭ ke la renkontiĝo daŭris nur du tagojn, ĝi estis plena de interesaj renkontiĝoj kaj diskutoj.

Post kiam Anna forveturis hejmen, mi restis ankoraŭ 2 tagojn en Helsinko, vizitinte la oficejon de la Finnlanda Esperanto-asocio en centro de la urbo. Krome, mia amiko Jukka Pietilainen invitis min al sia oficejo en Aleksander-esplorinstituto ĉe la Helsinka Universitato, kie ni diskutis pri internaciaj rilatoj en la nuna mondo.

Mi devas danki al Jukka kaj al la prezidanto de Finnlanda E-asocio Tuomo Grundstorm pro invito viziti ilian belan kaj proksiman al ni landon. Mi forte esperas revidi ĉiujn finnajn amikojn en nia landa E-kongreso en Sankt-Peterburg.

***Valentin Seguru (Moskvo),*** *fotoj de la aŭtoro*

## SPORTAJ NOVAĴOJ EL ULJANOVSK

La 24-an de majo en Uljanovska urba parko "40 jaroj de VLKSM" okazis kurado, dediĉita al fama sportisto B.I.Jastrebov. La kroson partoprenis proksimume 20 homoj, inter ili estis niaj E-klubanoj Jelena Tubalec kaj Sergej Abramov. La distanco estis 6 km. Ĉi-foje ne estis venkintoj kaj malvenkintoj. Ĉiuj kurantoj ŝarĝiĝis per viva energio kaj spiradis puran arbaran aeron.

La 30-an de majo sur la rivero Svijaga okazis konkurso pri kanota turismo. Nia teamo "Esperanto" konsistis el miksita duopo Jelena Tubalec – Jurij Volkov kaj vira duopo Andrej Petrov – Sergej Abramov. Surakvovoje estis 7 pordegoj, kiujn necesis trapasi ne tuŝante. Nian vojon komplikis rapida fluo kaj traboj, elstarantaj el akvo. Laŭ malprofundaĵo ni eĉ trenis nian kanoton paŝante. Nia juna teamo sukcese venkis ĉiujn obstaklojn, spertiĝis kaj okupis decan lokon.




La 12-an de junio nia sporta E-teamo (Jelena Tubalec kaj Sergej Abramov) partoprenis kuradon okaze de Tago de la urbo. Niaj klubanoj ricevis honorajn diplomojn.

***Sergej Abramov (Uljanovsk)***

## ABONU ESPERANTO-GAZETOJN KAJ (RE)ALIĜU AL UEA

***Abontarifoj por 2010:***

“La Ondo de Esperanto”: Ĉiumonata internacia magazino 590 rubloj;
“Esperanto”: Oficiala organo de UEA. Ĉiumonata 810 rubloj;
“Kontakto”: Socikultura revuo de TEJO. Dumonata 500 rubloj;
“Heroldo de Esperanto”: Trisemajna informa gazeto 1750 rubloj;
“Literatura Foiro”: Kultura revuo. Dumonata 1620 rubloj;
“Femina”: Revuo en Esperanto ne nur por virinoj. Trimonata 1080 rubloj;
“Juna Amiko”: Revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Kvarmonata 410 rubloj;
“Monato”: Internacia magazino sendependa. Ĉiumonata 1125 rubloj;
“Monato”: Reta versio. 675 rubloj;
“La Jaro”: Praktika poŝkalendareto de Monato 250 rubloj;
“La Gazeto”: Mondkultura, esperantisma, sendependa. Dumonata 410 rubloj;
“Litova Stelo”: Organo de Litova E-Asocio. Dumonata 315 rubloj;
“La KancerKliniko”: Politika, kultura, skandalema. Trimonata 630 rubloj;
“Spegulo”: Socikultura sendependa revuo. Trimonata 600 rubloj.

***Kotiztabelo por UEA en 2010:***

**MG**. Individua membro kun “Gvidlibro tra la Esperanto-movado” – 225 rubloj;
**MJ**. Individua membro kun “Jarlibro” (ĝis inkluzive 29 jaroj membro de TEJO kun “Kontakto” sen plia abonpago) – 540 rubloj;
**MA**. Individua membro (kiel MJ plus la revuo “Esperanto”) – 1350 rubloj.

La jamaj membroj de UEA indiku sian UEA-kodon. Novaj membroj petu aliĝilon ĉe Halina Gorecka.

***Atenton:*** Ĉiuj abonprezoj (krom “La Ondo de Esperanto”) estas kalkulitaj laŭ la kurzo 44 ÷ 45 rubloj por eŭro. Se la kurzo de eŭro ŝanĝiĝos, ankaŭ la rubla ekvivalento estos aktualigita laŭ la kurzo.

***Pagoj***: La abonpagojn, UEA-kotizojn kaj kongresajn kotizojn por la 95-a UK en Havano akceptas Галина Романовна Горецкая poŝte (236039, Калининград, а/я 1205), banke (petu informojn pri la banka konto) kaj elektronike (Яндекс-Деньги, счёт 4100138523456). Kontakta retadreso <sezonoj@kanet.ru>.

***Halina Gorecka (Kaliningrad)***

Kruko diras al eta Joĉjo, ke la tuta familio iros ferii en fora lando en belega hotelo kun “All Inclusive”-servo.
Joĉjo: Kion signifas “aŭ inkluzif”-servo, paĉjo?
Kruko pacience klarigas: Estas hotelo, kie oni purigos niajn ĉambrojn, pretigos la litojn, kuiros la manĝaĵojn, briligos niajn ŝuojn, lavos niajn mantukojn, glados niajn vestaĵojn...
Joĉjo kompreninte demandas: Kial do ankaŭ panjo kuniru?

***(esperanto-anekdotoj)***

# *Mikaelo Bronŝtejn*

# La urbo Goblinsk[1]

**05.03.199…, vendredo**

Neĝis transfenestre. Enorme grandaj neĝeroj, senĉese falantaj de supre kaj pelataj de frivola marta vento jam dum kelkaj horoj, faris pli ol dekcentimetran tavolon super la antaŭaj. Por la sekvantaj tri tagoj – la semajnfino, plilongigita pro la okamarta Virina tago, – prognozistoj promesis sunan veteron, do la freŝa neĝo estis tute bonvena ĉar taŭga por ĝui skiadon en arbaro. Tamen dume la vetero estis apenaŭ ĝuinda eĉ por simpla promeno.

La gvidantaro de "Rusoplast" amasiĝis en la direktora akceptejo. Irinjo tolereme travivis antaŭfestajn gratulojn de la mal-ina plimulto, odoranta ŝvite, ajle, postdrinke, ĉipparfume kaj tabake. La inoj ricevadis de ŝi reciprokajn bondezirojn, kun kelkaj ŝi interkisiĝis. Bukedo da tulipoj staris en ĉinstila vazo sur la sekretaria tablo – Maksim alportis ĝin kaŝe en la frua mateno. Apudis alia bukedo, preskaŭ egala laŭ tulipokvanto, sed instalita en simpla trilitra vazo kun etikedo "Kukumoj peklitaj". La duan bukedon, ankaŭ kaŝe, alportis mem Irinjo – ŝajnis al ŝi, ke ĉeesto de du bukedoj faros ioman intrigon kaj forlogos eventualajn klaĉojn pri ŝiaj rilatoj kun Maksim. Cetere, ŝi pensis poste, devus aperi ankaŭ tria bukedo – la direktoro kutimis donaci florojn al la sekretariino por la Internacia Virina tago...

- Nu! – aŭdiĝis la gaja voĉo de Baritonov – li malfermis la pordon de sia ĉefinĝeniera kabineto, situanta kontraŭ la direktora. – Svarmas vi ĉi tie... kiel ŝafaro! Eniru, jam tempas!
- Sed mankas la direktoro... – necerte elbuŝigis Valentin Iljiĉ.
- Mankas – ne mankas, la planumo tutegale devas okazi, – rebatis la ĉefinĝeniero. – La direktoro nun estas en la urbodomo. Baldaŭ li revenos, sed ni dume komencu.

En la direktora kabineto, en angulo staris kelkaj pufiĝintaj plastaj sakoj kun bunta reklamo de peterburga grandvendejo. La sakoj eligis simfonion de odoroj, ili odoris je bukanita viando, peklitaj haringoj, marokaj oranĝoj, hungaraj pomoj kaj io plia, nedivenebla, sed evidente bongusta.

- Oho-o! – ravite eksklamaciis Kolja. – Plasta fabriko – odoro bazara! Ne! En bazaro nun ne odoras tijo! Grandan feston ni havas, dankas al vi, virinoj...
- Certe, ne de bazaro ĉio ĉi alvenis, – gravmiene diris rufulo Eŭgeĉjo. – Mi kun Seniĉkin en Piter[2] ĉion aĉetis hieraŭ post oficaj aferoj! Speciale por la festo!
- Jevgenij Petroviĉ! – kokete elparolis Nadinjo. – Nu, kial vi pri oficaj aferoj parolas? Diru honeste, ke Viktor Vasiljeviĉ vin oficvojaĝigis speciale por prepari la feston... Nian virinan feston! Diru, kaj vi ricevos pli da nia amo...

---

[1] Ĉapitro el la nova romano. Antaŭaj ĉapitroj el tiu ĉi verko estis publikigitaj en REGo №№ 3 (40), 3 (46), 5(48), 2(51). (La red.)

[2] Piter – familiara nomo por Peterburgo

- Ĉu ne estas ofica afero, Nadeĵda Sergejevna? – demandis Eŭgeĉjo, strabante al Nadinjo per la okuloj, ruze kaj lascive duonfermitaj. – Pri la amo – mi ne estas kontraŭ... Des pli, ke eble la lastan fojon ni havas tian feston.
- Kial? Kial la lastan? – kelkaj aŭdintoj tuj ekmaltrankvilis.
- Nu... okazos privatigo, – diris Eŭgeĉjo. Verŝajne onta mastro ne aprobos...
- Kia mastro, damne?! – eligis Anton Daniloviĉ basvoĉe. – Oni diris, ke la kolektivo estos mastro.
- He, zipu la lipojn, Antoĉjo, – diris Valentin Iljiĉ. Nur li permesis al si nomi la kvereleman estron de mulda metiejo familiare – pro sia pliaĝo kaj komuna vizitado de publika ŝvitbanejo dum semajnfinoj. – Jes, mi diras sen ŝercoj: zipu la lipojn. Ĉar venas kapitalismo, ĉiu aĵo devas havi mastron, ĉiu uzino – des pli.
- Ĉesu vastigi onidirojn! – Baritonov frapis tablon perpugne. – Neniu dume ion scias precize. Jen do, Ŝumskij, Kirzov, Goldfarb – pri viaj pekoj ni ne tuj parolos. Prenu ĉion ĉi, portu al SKE. Alevtina tie komencu prepari la festan tablon, sed vi revenu ĉi tien.
- Ĉu sola Alevtina? – entuziasmiĝis Kvadratov. – Sergej Vadimoviĉ, liberigu min, oldulon... kun du virinoj konvenaj... jen – Nina Dmitrijevna kaj Nadinjo. Mi kolbason tranĉos, haringojn... Ili salatojn preparu...
- Ĉesu, Aleksej Ivanoviĉ! – Baritonov refoje frapis la tablon. – Pri vi mi ne povas decidi sen Sigaev. Tro da pekoj. Jen, ekzemple, – kie estas la promesita nikromo por varmigaj spiraloj? Ha? Ĝis nun vi ne akiris – dum tri semajnoj! Karulĉjo! Baldaŭ per tia laboro vi tute haltigos la produktadon!

Aleksej Ivanoviĉ malfermis la buŝon por vica sinpravigo, sed bremsis, vidante seriozecon de la ĉefinĝeniero. Lazar prenis kvar sakojn, por Saĉjo kaj Maksim restis po du. Ĉe la pordo Lazar turnis sin kaj elgrumblis:

- Nikromon mi trovis hieraŭ pere de miaj parencoj. Eĉ pretajn spiralojn – oni produktas ilin en mia naskiĝurbo, en Ĵitomir. Pagu, kaj la produktanto ekspedos. Botelon vi ŝuldas, Aleksej Ivanoviĉ!
- Nu, bravulo, Lazar Aronoviĉ! – eksklamaciis Baritonov. – Savis la uzinon... kaj la fileon de Aleksej Ivanoviĉ.
- Aha... – paŭtis Kvadratov. – Heroo de kapitalisma laboro! Ordenon al li... Sed lasu mian magran fileon en paco.

Kiam la triopo estis transiranta la ŝoseon, ĉe la kontoro haltis la direktora "Volgo". Viĉjo, sidanta malantaŭe, malfermis pordeton kaj kriis al ili:

- Hej, buboj! Donu ĉion al Alevtina kaj tuj revenu! Gravaj aferoj!
- "Do kamaradoj, kion ni havas por hodiaŭ?" – Saĉjo imitis la voĉon de la direktoro. – "Gravajn aferojn ni havas!"
- Evidente, draŝis Petrovskiĥ lian pugon pro kelkaj reklamacioj... – diris Lazar.
- Mi ne samopinias, – oponis Maksim. – Antaŭ la festo – ĉu okazu tie pugdraŝado? Mi dubas. Eble io nova rilate la privatigon…

Reveninte en la kabineton post kelkaj minutoj, ili trovis kutiman interkverelon de

Aleksej Ivanoviĉ kun Eŭgeĉjo, kiun Anton Daniloviĉ inside subtenetis per basaj replikoj. Tamen la kverelo jam estis estingiĝanta, kaj videblis, ke la impulsema sed racipensa uzbeko Kolja ne emas hodiaŭ, post vido de tiom logaj perspektivoj por la vespera festa manĝo, evoluigi mokadon de la ruĝvizaĝa, ŝvita Kvadratov per siaj plendoj. Tutegale hodiaŭ Aleksej Ivanoviĉ nenion akirus por la konstrua fako...
Ankaŭ la direktoro, Viĉjo Sigaev ne estis kverelema hodiaŭ. Dum disputado de la eternaj oponantoj li sidis, indiferente rigardante transfenestren. Saĉjo, Lazar kaj Maksim okupis siajn kutimajn lokojn ĉe la muro, kie jam sidis Stepan Anatoljeviĉ, la garaĝestro. Viĉjo turnis la kapon iliaflanken kaj traglitis ilin per stranga rigardo, haltigante ĝin ĉe la okuloj de ĉiu el la kvaropo. Poste li faris malrapidan elokventan mansvingon al Eŭgeĉjo, kiu tuj ĉesis elverŝadi vican akuzon kontraŭ Aleksej Ivanoviĉ. Kaptinte la paŭzon, Lazar diris:

- Viktor Vasiljeviĉ, liberigu almenaŭ du virinojn por helpi al Alevtina ĉe la preparado. Ŝi petis helpon.
- Kial do virinojn?! – tuj krietis Lidia Petrovna, kaj ektusis. Ŝi ektusadis ofte kaj porlonge pro sia pli ol dudekjara laboro en acetonumita atmosfero de la celulojda metiejo; ĉe tio ŝi kutimis ekoponi en la plej neatendata situacio. Ĉiuj sciis tion, do pacience atendis finon de ŝia tusado. – Kial do virinojn? – ripetis ŝi. – Estas virina festo, do viroj preparu ĉion. Kvadratov kaj Serov, rivaloj ĝismortaj, iru kaj paciĝu tie, ĉe Alevtina...
- Ĉesu, – abrupte diris Viĉjo. – Estas mi, kiu decidas ĉi tie. Sufiĉa tempo restas por prepari la tablon. Vi eĉ ĉiuj kune iru al Alevtina por helpi, sed – post duonhoro. Ŝi mem forpelos tiujn, kiujn ŝi ne bezonas. Tamen dume sidu ĉiuj kaj atente aŭskultu.

Ekis silenta paŭzo, dum kiu la direktoro refoje okulumis la ĉeestantojn laŭvice. Poste li ĵetis plian mediteman rigardon transfenestren kaj deklaris:

- Jen do, Lazar Aronoviĉ, ĉu vi ne vidas? La tubo de nia kaldronejo eligas fumon pli nigran ol ordinare. Ĉu la karbo malbonas?
- La sama karbo, la sama fumo, – respondis Lazar trankvile. – Ĉu denove iu el najbaraj dometoj venis por plendi?
- Ili konstante venadas... – penseme diris Viĉjo, sed estis videble, ke li pensas ne pri tio.
- Dum kvardek jaroj... – replikis Maksim, kaj komprenis tuj, ke vane li faris tion.

Viĉjo subite furioziĝis. Estis lia kapablo – furioziĝi aŭ paciĝi momente.

- Jes, dum kvardek jaroj! Dum kvardek jaroj, Ŝumskij, eĉ pli! – ekkriis li, leviĝante kun tremeto en la lipharoj. – Ĉar certaj personoj en tiu ĉi uzinaĉo tute ne pensas, kiel plibonigi ekologiajn vivkondiĉojn de la najbara loĝantaro! De avinoj kaj avoj, kiuj la tutan vivon suferas ĉi tie, apud nia fumtubo. Ja vi bo-onege scias, kies devo estas pensi pri tio! Via devo, lia devo! Sed ĉu vi pensis?!
- Dum kvardek jaroj... – mallaŭte elparolis Saĉjo.

Sigaev kolere movis la rigardon al li, senespere mansvingis kaj reokupis sidpozicion, tuj paciĝinte. Dum kelkaj sekundoj li sidis silente, anstataŭigante furio-

zan mienon per rideto, poste diris:

- Ja jes, dum kvardek jaroj... Sed baldaŭ tio ŝanĝiĝos. Endas fari gasdukton por hejti la kaldronejon per gaso.
- Do jam antaŭ kvar jaroj ni pretigis la projekton kaj ricevis ĉiujn bezonatajn oficialajn aprobojn, – diris Lazar.
- Mi havas perfektan memoron, – diris Viĉjo. – Ne zorgu do... Kiam aperos mono, ni faros tion.
- Post kvardek jaroj... – diris Lazar, sed Viĉjo sidis trankvile.
- Ne, Lazar, ci ne divenis, – rebatis li kun komplota mieno. – Verŝajne, multe pli frue... aŭ neniam. Tamen ni ĉesigu tiun antaŭtempan babiladon. Mi havas du bonajn novaĵojn por vi, gefraĉjoj...

Eĉ la ina parto de la kunsidantoj ĉesis interflustri kaj ekgapis la direktoron. Tiu tenis la paŭzon, liaopinie nepre bezonatan antaŭ komuniko de la promesitaj gravaj novaĵoj. Post du aŭ eĉ tri minutoj, detale pristudinte stuporajn vizaĝojn de la kunvenintoj, Viĉjo komencis.

- Unue, – li diris, – mi transdonu al niaj ĉarmaj vivamikinoj... al niaj sindonemaj mastrinoj kaj e-e-e... amatinoj... mi transdonu gratulon de nia urbestro Artur Albertoviĉ. Li petis min diri, ke li deziras al niaj virinoj fervoran laboron por bonaj salajroj, fortan sanon kaj sennuban familian vivon.
- Hura! – abrupte elkriis Kolja, kaj ĉiuj ekaplaŭdis.
- La gratulo, kompreneble, estas ne nur por niaj estimataj virinoj, sidantaj nun tie ĉi, – daŭrigis la direktoro. – Mi petas la fakestrojn post fino de nia planumo iri kaj transdoni tiun gratulon al ĉiuj virinoj, kiujn ili havas en siaj fakoj kaj metiejoj...

Ĉe la lastaj vortoj de Viĉjo Maksim ŝirmis la buŝon per mano por ne tuj montri ekridon, same faris Lazar, sed Saĉjo eĉ ne zorgis – eligis laŭtegan rideksplodon, kiun subtenis iom post iom ĉiuj planumanoj. Subite ekridegis base kaj senĝene Anton Daniloviĉ, feliĉe ekklukis Nina Dmitrijevna kaj Anna Antonovna, arde tusridis Lidia Petrovna, ruĝiĝinte pro ioma ĝeno ridetis Nadinjo. Valentin Iljiĉ klinis la kapon al la tablo, eligante strangajn ekhikojn; kaŝinte sin malantaŭ lia dorso ridegis Aleksej Ivanoviĉ. Kolja preskaŭ falis de sur la seĝo, svingante per ambaŭ brakoj... Stepan, la garaĝestro, sidanta apud Maksim, skuadis ties ŝultron kaj inter rideruptoj elspiradis singulte: “Nu, diris! Nu diris nia direktoro!” Eĉ Baritonov kaj Serov senrezulte provis sufoki ekridon, demande esplorante reagon de la direktoro. Irinjo scivoleme duonmalfermis la pordon, enrigardis la ridegantan kabineton, nenion komprenis kaj mire malaperis transporde.

Dum la unua momento la direktoro ĵetis ferocan rigardon al Saĉjo kun evidenta impeto al tuja furioziĝo. Sed sekvamomente, post ekgapo al la rideganta subularo, post embaraso, aperinta en la larĝiĝintaj okuloj kaj leviĝintaj lipharoj, li komprenis la kaŭzon de la ekgajo kaj ekridegis kune kun ĉiuj. Post daŭra ridego Viĉjo elpoŝigis naztukon, viŝis larmojn de sur la vangoj kaj levis la dekstran manon.

- Sufiĉas jam! – li diris pace. – Mi estas kontenta, ke la unua bona novaĵo tiel gajigis vin... nin. Ni esperu, ke ankaŭ la dua estos ĝojiga.

La rido iom post iom estingiĝis, la planumanoj denove atente-atende rigardis la di-

rektoron. Li silentis.

- Vaj, ĉefo! – laŭte diris Kolja. – Kial vi la animon tordas? Diru jam!
- Bone, – Viĉjo faris profundan enspiron. – Ekde lundo ni komencas privatigon de “Rusoplast”. Ni elektis la unuan varianton de privatiga scenaro, do...
- Kiuj elektis? – senkulpe demandis Valentin Iljiĉ.
- Mi... – Viĉjo ne atendis tian demandon. – Mi... ricevis rekomendojn de fakuloj. Tiu scenaro estas la plej akceptebla por nia malgranda uzino.
- La gazetaro diras, ke mankas fakuloj pri tio en la lando! – levis la voĉon Stepan. – Ja oni tion faras ĉe ni por la unua fojo – la privatigon. La gazetaro diras, ke ĉiu kolektivo devas mem decidi...
- A-a! – Viĉjo faris mangeston, kvazaŭ forsvingis la gazetaron entute kaj por ĉiam. – En multaj landoj okazis tio, niaj fakuloj veturis kaj spertiĝis tie... Kolektivo! – daŭrigis li malestime. – Ĉu ion seriozan povas decidi kolektivo, ekzemple la nia?
- Kial ne? – elparolis Maksim.
- Kial ne, vi demandas, Ŝumskij? – kun stranga duonminaca mieno redemandis Viĉjo. – Mi diru al vi: ĉar via kompreno pri la proprieto egalas tiun de papuoj!

Maksim eĉ rondigis la okulojn kaj malfermis la buŝon pro mirego – li rememoris la sonĝon antaŭkelktagan – la frazo estis dirita laŭvorte tute sama, kiel en la sonĝo!

- Vi rajtas fermi la buŝon. – kaptis la momenton Viĉjo, ne komprenante la miron de Maksim.

Baritonov eligis rideton, tuj estingiĝintan en la silento.

- Jes, ĉefo, pravas vija! – diris Kolja. – Mi estas papuo. Sed mi petas: klarigu al viaj papuoj. Kijo estas la unua-menua, la dua-cedua, la tria...
- Aj bra-vu-lo nia, Am-mi-ni-galej Sultan-berdi-eviĉ! – Viĉjo kun imita ravo posilabe elparolis la nomon de Kolja. – Vi estas la plej prudenta, se vi demandas tion. Ĝuste tion mi volas fari nun – klarigi al vi... se vi bonvolos aŭskulti min. Ĉiuj, – li severe rigardis la sidantojn ĉemure, – eĉ niaj saĝuloj!

En reekinta silento la direktoro denove ĉirkaŭrigardis la ĉeestantojn.

- Laŭ la unua varianto ni transformas nian uzinon, kiu nun estas ŝtata entrepreno, en Malfermitan Akcian Societon. Ĉu vi komprenis, Kolja? – demandis li, rigardante tamen la ĉefekonomiistinon Anna Antonovna.
- Li ne komprenas, – tuj eligis ŝi kvazaŭ antaŭpreparitan respondon.
- Do, – daŭrigis Viĉjo. – Tio signifas, ke ni preparos... nu, ekzemple, dek mil akciojn kun suma prezo, egala al tiu de la tuta “Rusoplast”. El tiu kvanto kvindek unu procentojn, tio estas...
- Kvin mil kaj cent, – senemocie sufloris Anna Antonovna.
- Jes, – diris Viĉjo. – Kvin mil kaj cent akcioj estas decida kvanto – la plimulto por akcepti decidojn. Tiun ĉi plimulton ni distribuos ĝuste en nia kolektivo.
- Kiamaniere? – kun ruza scivolemo demandis Aleksej Ivanoviĉ.
- Tute simple, – respondis Viĉjo. – Nina Dmitrievna aĉetos kovertojn kaj paperfoliojn en la kvanto egala al la kvanto de niaj uzinanoj. Ĉiuj uzinanoj –

ekde la direktoro ĝis la purigistino, onjo Ljuba. Ĉiu devas skribi sur sia paperfolio la kvanton de la akcioj, kiun li deziras aĉeti. La folion ĉiu metu en la koverton, glufermu la koverton kaj skribu sur ĝi sian nomon. Poste ni formu Privatigan Komisionon, kiu malfermos ĉiujn kovertojn, kalkulos ĉion kaj distribuos la akciojn. Ĉu tio ĉi kompreneblas?

- Ne ĉio, – diris Lazar. – Ĉu mi ĝuste komprenis, ke ĉiu devas skribi kaŝe?
- Jes, kaj do?.. – respondis Viĉjo.
- Do kio okazos, se ĉiu ekvolos ricevi la tuton?
- Ki-iu?! – montrante absolutan nekredemon diris Viĉjo. – Ĉu onjo Ljuba? Kiu bezonas tiujn akciojn... tiun kapdoloron?
- Mi bezonas. – diris Maksim. – Ne ĉiujn, certe, sed... almenaŭ kelkcent.
- Por kio?! – Viĉjo abrupte sin turnis al li kaj kvazaŭ ŝtoniĝis, fiksrigardante.

Maksim eltenis tiun rigardon.

- Por havi voĉdonrajton... pli gravan. Por ricevi parton de nia profito ĉe la distribuo.
- Aĥ, profi-ito... – etende elparolis la direktoro. – Revulo vi estas, Ŝumskij. Ĉu nia uzinaĉo iam havis grandan profiton? – mangeste haltigante provon de Maksim diri ion, li daŭrigis: – Krom tio, mi ankoraŭ ne informis vin, ke la akciojn oni rajtas akiri nur kontraŭ vaŭĉeroj. Ĉu vi havas?
- Mi havas tri, – diris Maksim. – La mian plus tiujn de miaj edzino kaj filo.
- Jen do. – edife diris Viĉjo. – Aŭdu plu, burĝo! Kvin procentojn de la kvanto, tio estas...
- Kvincent. – diris Anna Antonovna.
- ... kvincent akciojn ni distribuos senpage inter la plej indaj homoj de "Rusoplast" – tiuj, kiuj laboras ĉi tie pli ol dek jarojn, tiuj, kiuj havas ordenojn, medalojn – estimataj homoj, unuvorte. Ĉu vi estas estimata homo, Ŝumskij?
- Mi opinias, ke... – komencis Maksim.
- Jen do, se vi opinias, vi ricevos ion el tiu kvanto. La restintajn kvardek kvar procentojn, – mangeste Viĉjo rebatis provon de Anna Antonovna suflori la kvanton, – la reston prenos la urbodomo, sed ne por si! Por vendi en libera aŭkcio kontraŭ mono kaj ricevi certan sumon por diversaj urbaj bezonoj. Ankaŭ tie vi rajtas aĉeti, Ŝumskij. Ne nur vi, kompreneble. Ĉiu, kiu deziros.

Ia turmenta penso aperis en la kapo de Maksim, li kaptis ĝin kaj volis ekparoli, sed intervenis Kolja.

- Diru al mi, ĉefo, – li montris absolute sinceran scivolemon, – sed kiju estos direktoro de tiju Akcija Malfermo?
- Direktoro? – mire redemandis Viĉjo. – Direktoro... ni ĉiuj estos direktoroj! Ni estos posedantoj!
- Laŭ vilaĝo iras ni, prezidantoj estas ni…[1] – mallaŭte elparolis Stepan. Kelkaj ekridetis, sed Viĉjo frapis la tablon kolere.
- Ni parolas nun pri serioza afero, Kulikov! – li turnis sin tutkorpe al Stepan. – Neĝustatempa estas via ŝercemo! Demandu, se vi ion ne komprenas, aŭ

[1] Komencaj linioj de rusa moka kupleto kun obscena fino.

diru ion se vi ne konsentas! Ĉu vi ne konsentas?
- Mi konsentas. – diris Stepan, kun sama moketo en la voĉo. – Ni ĉiuj konsentas esti direktoroj, ĉu ne, kamaradoj?
- Certe, jes! – elbasis Anton Daniloviĉ. – Kial ne?

Ĉiuj ceteraj silentis atendante evoluon de la eventoj.
- Sed ĉu vi diros pri aliaj variantoj? – demandis Nadinjo kaj ruĝiĝis.
- Nadeĵda Sergejevna! – la plej dolĉa rideto aperis el sub la lipharoj de la direktoro. – Al vi mi diros tion aparte...
- Kial do? – kun sincera senkompreno en la voĉo demandis Lidia Petrovna kaj ektusis. – Ankaŭ mi volas scii, – ŝi diris fintusinte.
- Ankaŭ al vi mi diros, estimata Lidia Petrovna... Tamen, ĉu festi vi ne volas hodiaŭ? – diris Viĉjo. – Jam dum du horoj ni ĉi tie marĉandas, sed Alevtina tie kuiras-tranĉas sola! Poste mi ĉion klarigos al ĉiuj interesiĝantoj. Sed nun la fakestroj – ek al siaj metiejoj! Ĉiuj ceteraj – al Alevtina. Helpu ŝin pri la festa tablo! Lazar, muziko por dancoj estas via zorgo. La planumo estas finita.

Je la kvina kaj tridek, post kiam buso kun laboristoj de la taga alterno forveturis, kaj la vespera alterno, pli ĝuste, la virinoj de tiu, ricevis personajn gratulojn de la ĉefinĝeniero, la planumanoj unu post alia translokiĝis el siaj fakoj, metiejoj kaj kabinetoj al la dua etaĝo de SKE. Krom la planumanoj kaj la prizorgantino de SKE, Alevtina, ĉeestis pliaj junulinoj, kutime invitataj al ĉiuj festoj: du diketaj librotenistinoj – Maŝa kaj Olga, alta kaj tro svelta ekonomiistino Kira, kaj la sopirata de ĉiuj viroj de “Rusoplast” blondhara Larisa – ĉefkuiristino de la uzina manĝejo. Cetere, ĉiu el tiuj junulinoj ĉetridekjaraĝaj havis edzon kaj infanojn, Larisa – eĉ tri gefilojn. Sed tiu invitado – iama elpensaĵo de antaŭa direktoro forpasinta – preskaŭ egaligis la kvanton de virinoj kaj viroj ĉe la festotablo, do estis aprobenda.
La festa vespero estis pasanta ordinare, kiel ĉiuj antaŭaj kolektivaj festoj, juste malŝatataj de Eva kaj aliaj edzinoj, atendantaj la edzojn hejme. Maksim konjektis la ordinarecon, sed samtempe li eksentis iun strangaĵon en la konduto de la plimulto. Dekomence li ne povis diveni, en kio ĝuste enestas tiu strangaĵo.
La festa tablo estis iom malpli luksa ol en antaŭaj jaroj, tamen la inflacio kun ĉiusemajna prezaltiĝo kaj aliaj nuntempaj plagoj-plagetoj preskaŭ neniom influis riĉenhavon de la tablo. La unuaj tri tostoj estis kutimaj: je niaj ĉarmaj virinoj (kun enmanigo de floroj kaj donacetoj al ĉiu el ili), je prospero de nia “Rusoplast” (ĉi tie Eŭgeĉjo eĉ prezentis verkitan de li mem poemeton kun aktualaj linioj pri “neniam tristaj – sinjoroj akciistoj”) kaj je la sano kaj bonfarto de ĉiuj ni. Ankaŭ la dancado, laŭkutime lanĉita post la tria tosto, estis seneventa – vigla “reggay” por komenco, poste alterne – lantaj, brakumprovokaj kaj viglaj dancoj – kun sporada tostado kaj gajaj ludoj inter tiuj.
Maksim dancis kun la laca kaj mola Alevtina, kun la sinĝena Nadinjo, kun la frivola Larisa, eĉ kun la alta Kira, levante la kapon por ricevi dolĉan rigardon de ŝiaj okuloj, situantaj eble je tridek centimetroj super la liaj. Verŝajne pasis jam naŭ dancoj aŭ eĉ pli, – kvar el tiuj li tamen dancis kun Irinjo sen pensi pri postaj klaĉoj,

– sed post la naŭa (aŭ deka?) danco venis al li revelacio pri la strangaĵo de tiu ĉi festo. Tio estis tro da drinkaĵoj, restantaj sur la festa tablo. Jes, Kolja ne drinkis entute, ĉar antaŭ jaro li estis devige kuracita pro troa alkoholumado. Jes, Anton Daniloviĉ kaj Aleksej Ivanoviĉ laŭkutime drinkis ĝissate, do nun, ne plu dancka-pablaj, duonkuŝe lokiĝis sur divano en angulo de la salono. Tamen ĉiuj ceteraj viroj preskaŭ ne drinkis post la unuaj tri tostoj, kaj tio estis evento – absolute neordinara por la festaj vesperoj en "Rusoplast"!

Ĉirkaŭ la naŭa horo la entuziasmo de la festantoj ŝrumpis. Du aŭ tri sin brakumintaj paroj plu paŝetadis surloke, nemulte obeante iun lantan melodion. Kelkiuj sidiĝis ĉetable por silenta teumado. Aliaj iris eksteren por fumi. Cetere, ne nur fumantoj estis tie.

Maksim ĝue rigardis la ĉielon. Dum la festo la neĝofalo elĉerpiĝis, cedinte al vespera frosteto. La ĉielo estis absolute pura, profunden penetrebla per rigardo, ĉar la steloj montris sin dense, abunde kaj kvazaŭ multtavole; la minca luna serpo ne malhelpis ilian glimadon. Ankaŭ la freŝa neĝtavolo pure blanka kun blueto rebrilis per abundaj sparkoj laŭlonge de la tuta vojo al la urbo.

- ... pensi pri tiu privatigo... – grumblis Baritonov. – Kiom ĝi daŭros, Viĉjo?
- Ha? Diablo scias... – respondis la direktoro. Nun, en amika rondo li toleris familiarecon de la subuloj. – Komence ni dividos niajn akciojn – tiujn kvindek unu procentojn. Poste necesas jure registri la rezultojn... ne, dekomence ni devas kolektive konfirmi kaj registri statuton de la malfermita akcia societo. Longa kanto...
- Tamen, diru sincere, Viĉjo, – demandis Stepan, – kial vi insistas pri la malfermita societo? Ĉu ni ne preferu fari fermitan? Mi legis en "Rossijskaja Gazeta" pri tiu scenaro. Estas pli sekura, onidire.
- Ĉu mi diru sincere?! – ial koleriĝis Viĉjo. – Al vi, uloj, mi povas diri sincere, sed vi tutegale ne komprenos.
- Kial do ne? – diris Maksim. – Ankaŭ mi legis pri la fermita societo. Tiuokaze ĉiujn akciojn ni distribuos inter ni, kaj neniu fremdulo intervenos.
- Sed mi havos rajton nur pri dek kvin procentoj maksimume! – rebatis Viĉjo.
- Tamen vi restos direktoro, – penseme elparolis Baritonov.
- Nu! – Viĉjo eĉ pli koleriĝis. – Mi diris, ke vi nenion komprenos. Dum dek kvin jaroj mi laboras ĉi tie, en "Rusoplast"! Komence – en via nuna posteno de ĉefinĝeniero, poste – en la direktora. Nun mi volas esti mastro! Por ke miaj infanoj posedu tiun uzinon post mi!
- Ĉu ne tuŝis vin la penso, – diris Stepan, – ke ankaŭ viaj amikoj laboris dum tiuj dek kvin jaroj kun vi, kelkaj komencis eĉ pli frue – dum vi sidis en la Gorkomo?!

Viĉjo rigardis preter li, poste levis la lipharojn al la profunda ĉielo kaj diris supren:

- Kiam ektemas pri proprieto, oni ne pensu pri amikoj.